# PACO



OFICIALA ORGANO DE LA MONDPACA ESPERANTISTA MOVADO (MEM)

XIIIa JARO N-RO 149/150 ELDONO DE LA GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO (GDR) APRILO/MAJO 1966


# LA ASPEKTO DE DRESDENO DENOVE RIDETAS


(De ĉefurbestro Gerhard SCHILL, Dresdeno)


Foto: Thienel

Kiu urbestro ne estas impresita de la laboremo de la produktantaj homoj vivantaj en sia respondecsfero, impresita de la konstruajbeleco kaj de la pejzaĝa ĉarmo de la ĉirkaŭaĵo? Tutcerte ĉiu. Antaŭ ol mi sekve skribas pri nia 760-jara Dresdeno, situanta en la belega Elbvalo, mi volas komenci mian artikolon kun pluraj eldiroj de vidintoj senantaŭjuĝaj.

Kion diris mondfamaj humanistoj pri nia urbo? La filozofo kaj publicisto Johann Gottfried Herder (1744–1803) entuziasme karakterizis Dresdenon „germana Florenc". Johann Wolfgang von


*Daŭrigo sur paĝo 2*

*Daŭrigo de paĝo 1*

Goethe vizitinte Dresdenon unuafoje, 1768 kiel studento skribis poste pri la pentraĵgalerio: „Enirinte tiun ĉi sanktejon, mia admiro superis ĉiun antaŭe imagitan koncepton." La blankhara poeto Gerhart Hauptmann (1862–1946), kiu travivis antaŭ 21 jaroj la detruon de Dresdeno, deklaris inter alie: „Kiu forgesis la ploradon, tiu denove ĝin lernas dum la pereo de Dresdeno. Ĉi tiu serena matenstelo de la juneco ĝis nun brilis por la mondo. Kaj mi persone travivis la pereon de Dresdeno sub la Sodom- kaj Gomorra-inferoj de la anglaj kaj usonaj aviadiloj. Se mi enmetas la vorton „travivis", tiu estas por mi ankoraŭ nuntempe miraklo. Mi ne fanfaronas por kredi, ke Saturno rezervis speciale al mi ĉi tiun teruregon ĵus en ĉi tiu loko en la preskaŭ plej kara parto de mia mondo. Mi staras je la elirpordo de la vivo kaj envias ĉiujn miajn eminentajn intelekt-kamaradojn, al kiuj estis evitita ĉi tia travivaĵo. Mi ploras. Ne ĝenu vin la vorto „plori". La plej eminentaj herooj de la antikva epoko, inter ili Perikles kaj aliaj, ne hontis pro tio."

Malgraŭ tio Dresdeno denove vivas! Bedaŭrinde mallonge antaŭ la fino de la dua mondmilito, la 13- an de Februaro 1945, anglaj kaj usonaj aviadiloj detruis ĝin gravege. En la kronikoj el tiu tempo estas registritaj pli ol 35000 murditaj homoj, 75000 tute detruitaj kaj 100000 difektitaj loĝejoj, 255 kilometroj da detruitaj stratoj kaj vojoj samkiel 12 kvadratkilometroj da plenruinigita urbcentro. Tamen dum la pasintaj du jardekoj la Dresdenanoj komencis rekonstrui sian urbon pli bela ol antaŭe. Plej necese estis ripari loĝigeble 30000 malmulte difektitajn loĝejojn. Poste sekvis la riparado de 49 lernejoj kaj de la trama relaro, la konstruo de provizejoj, fabrikoj kaj de teatroj. Tiel estis komence, kaj tiel pli kaj pli progresis la konstruado sekvontjare. Elano instigis la loĝantaron de nia urbo kaj montriĝis pli kaj pli imponaj rezultoj, ties esprimoj estas preskaŭ 40000 novaj loĝejoj kaj industriproduktaĵoj, kiuj 1963 unuafoje superis 3 miliardojn da markoj (MDN), – neimageble alta nombro por la iama Dresdeno.

En la honorlibro de nia urbo ankaŭ estas notita, al kiu estas dankendaj tiuj sukcesoj. Post kiam la glora soveta armeo printempe 1945 disbatis la faŝisman bestaĉon en ĝia kaverno, Hitlerkontraŭuloj de diversaj politikaj tendencoj, gvidataj de la laborista klaso



*Gerhard SCHILL, ĉefurbestro de Dresden*
Foto: Höhne/Pohl

kaj de ilia unuiĝinta marksisma kaj leninisma partio, fondita en la printempo 1946, prenis en proprajn manojn la sorton de nia parto de Germanio. Ili alvokis ĉiujn urbanojn, novkonstrui Dresdenon. Ĉi tiu alvoko ne restis neaŭdita, sed forte resonis, kaj la konstrupreteco de nia enloĝantaro intertempe diskoniĝis eĉ en malproksimaj landoj. Kiel fiksite en grava konstruplano, kiu estis la premiso por la naskiĝo de la socialisma Dresdeno, multaj homoj eklernis konstruprofesion. Granda parto el ili jam estis pli maljuna kaj antaŭe laboris en administrejoj – tamen ili konvinkiĝis senpere helpi al sia hejmurbo. Dum jaroj ofte dekmiloj da loĝantoj semajnfine helpadis por forigi la ruinaĵojn, savi brikojn kaj forgrati kalkrestaĵojn. Precipe miloj da virinoj kaj knabinoj meritiĝis, helpinte forigi la heredaĵon de la pasinteco sur diversaj konstrulokoj kaj estigi pli feliĉan estontecon de Dresdeno. Proksime de nia magistrata domo oni starigis monumenton memore al ĉi tiuj fervoraj virinoj, kiu rakontos ankaŭ al estontaj generacioj pri ilia persisteco kaj pasia energio.

Nia urbo estis dum la pasintaj jardekoj, eĉ jarcentoj, konata antaŭ ĉio kiel urbo de la artoj, konservanta la trezorojn de la mondkulturo. Kiel antaŭe, tiel ankaŭ nun efikas kiel forta magneto la ĉiam ŝatataj artaĵoj de la nunaj ŝtataj artgalerioj frekventataj dumjare de pli ol 2 milionoj da en- kaj eksterlandaj vizitantoj. Same multaj homoj rigardas la „Zwingeron" (Cvinger), rekonstruitan por 20 milionoj da markoj.

En nia urbo ne nur vivas kaj agas pli ol 400 pentristoj, grafikistoj, skulptistoj kaj artmetiistoj apartenantaj al la unuiĝo de la kreantaj artistoj de Germanio, krome helpas libervole 2000 kunlaborantoj el la vicoj de la loĝantaro por evoluigi la spirit-kulturan vivon.

En kvar teatroj, inter ili unu por infanoj kaj junuloj, tage preskaŭ 3500 sidlokoj estas disponeblaj por la enloĝantaro kaj gastaro de nia urbo. La Dresdena Filharmonio, la Ŝtatorkestro kaj la Dresdena Krucoĥoro ne nur estas ŝatataj ĉe ni, sed en la tuta mondo.

Dresdeno populariĝis plejnovtempe precipe per sia socialisma industrio. Produktaĵoj de nia ekonomio estas altŝatataj en la internacia komerco. Dresdenaj entreprenejoj liveras siajn produktojn al proksimume 50 landoj de ĉiuj kontinentoj. Elektrotekniko kaj speciale la elektroniko nuntempe kaj ankaŭ estonte formas la vizaĝon de nia urbo. Ĝi kaj ĉirkaŭantaj lokoj evoluas al centro de elektroniko kaj de fabrikado de elektronaj kalkulmaŝinoj. Centoj da plenumintoj de ekzamenoj el alt- kaj faklernejoj ricevis per tio pli gravajn taskojn kun ankoraŭ pli granda produktiva karaktero. En multaj ŝtatoj estas dezirataj la elektromotoroj de la popolpropra „Sachsenwerk" en Niedersedlitz kaj la produktoj de la „VEB-Transformatoren- kaj Röntgenwerk Dresden", kiel ekz. diagnostik- röntgeninstalaĵoj, malgrandaj röntgen-aparatoj kaj terapio-röntgen-aparatoj por karcinom-surradiado. Altkvalitaj precizmekanikaj entreprenoj liveras kamerojn kaj kinoaparatojn al malproksimaj landoj. Tre konataj estas same ĉokoladpakmaŝinoj, tabakprilabor- kaj industrimaŝinoj el Dresdeno.

Por ĉi tiuj branĉoj de nia socialisma ekonomio venas multaj diplominĝenieroj, teknikistoj kaj ekonomoj el la Dresdenaj institutoj. Plej multe ŝatata estas la Teknika Universitato, ankoraŭ ofte konata kiel la iama Teknika Altlernejo, en kiu nuntempe studas preskaŭ 18000 studentoj, plej parte gefiloj de laboristoj aŭ kamparanoj, kaj ankaŭ preskaŭ 500 eksterlandaj civitanoj. En la Teknika Universitato, la plej granda politeknika instituto de okcidenta Eŭropo, ankaŭ sukcesintaj estroj en la industrio akiras novajn sciojn. En Dresdeno ankaŭ estas la loko de la Akademio por Trafikaferoj „Friedrich List". Mi ankaŭ mencias krome la „Inĝenierlernejon por Maŝinkonstruo kaj Elektrotekniko". Trans la limoj de

*Daŭrigo sur paĝo 7*

# LA TASKOJ DE LA ESPERANTISTARO EN LA PACBATALO

DE NIKOLA ALEKSIEV, PREZIDANTO DE MEM

En diversaj regionoj de la mondo ekzistas danĝeraj fajrujoj de milito, kaj antaŭ ol estas estingitaj kelkaj el ili, jen ekflamas aliaj.

La problemo pri la konservo de la paco havas vivgravan signifon por ĉiuj homoj sur la tuta terglobo, ĉar eksplodo de Tria Mondmilito, kun ties nuntempa fuzeo-nuklea armilaro, kaŭzos katastrofajn detruojn, kiuj trafos senescepte ĉiujn landojn – grandajn kaj malgrandajn.

Ĉiu objektiva observanto de la internaciaj eventoj devas vidi klare, ke la situacio en la mondo nun estas tre streĉita. Tamen ni devas diri, ke ekzistas ebloj por evitigi al la homaro la plej malbonan eventualecon.

Kaj ĝuste pro tio, ĉiuj homoj kun bona volo sur la tuta tero, sendiference de politikaj konceptoj, religiaj kaj filozofiaj konvinkoj, klasa aparteno, nacia aŭ rasa origino, unuiĝas ĉirkaŭ la ĉefa ideo de nia epoko – la paca kunekzistado de suverenaj ŝtatoj kun malsama sociordo.

## I. La ĉefa tasko de la hodiaŭaj pacbatalantoj

La paca kunekzistado estas eksterordinare serioze minacata de du ĉefaj danĝeroj por la monda paco: la nunaj militoperacioj de Usono kontraŭ Vjetnamio kaj la projekto pri liverado de nuklea armilaro al la okcidentgermanaj revenĝemuloj.

Precipe kondamnindaj, malhonorigaj kaj plenaj je senpera danĝero por la monda paco estas la malprudentaj militoperacioj de Usono en Sudorienta Azio, arogante malobservante la Ĝenevajn Interkonsentojn de 1954. Usono intervenis per armita forto en la internajn aferojn de Suda Vjetnamio kaj jam ekstarinte antaŭ plena malvenko, ĵetis sin en alian, ankoraŭ pli riskoplenan aventuron – ĝi komencis nedeklaritan militon kontraŭ la suverena Demokratia Respubliko Vjetnamio per terorismaj bombadoj elaere kaj elmare. Baldaŭ konstatinte, ke tio ankaŭ ne alportos laŭrojn al iliaj imperiistoj, la regantoj de Usono havis la aŭdacon deklari, ke en Vjetnamio ili eventuale povas uzi nuklean armilaron.

Ne nur la popoloj, sed ankaŭ kelkaj registaroj de la eŭropaj kaj aliaj aliancanoj de Usono ne volas esti implikitaj en tiun „abomenindan" militon en Vjetnamio. La registaro de Francio publike deklaris sian vidpunkton pri senprokrasta ĉesigo de la militoperacioj kaj pri komenciĝo de intertraktoj en la spirito de la Ĝenevaj Interkonsentoj. Turkio ankaŭ deklaris, ke ĝi ne aprobas la militon en Vjetnamio. Plioftiĝas la kontraŭusonaj protestoj ĉe aliaj aliancanoj de Usono, membroj de NATO kaj ĉe la pacamaj popoloj de la mondo.

Tia granda eksteralianca lando, kia estas Hindio, jam kelkfoje adresis apelojn al la Usona registaro por ĉesigo de la bombardoj super la Demokratia Respubliko Vjetnamio, insistante ke oni tuj komencu intertraktojn por meti finon al la milito.

La Usonaj regantoj ne povas trompi la tutmondan publikan opinion. La eksterordinara sesio de la Tutmonda Packonsilantaro, en 1965 unuanime deklaris: „Ni devas malebligi la transformiĝon de la militoperacioj en Vjetnamio en tutmondan nuklean militon." Laŭ decido de la Tutmonda Packonsilantaro, estis organizitaj „Semajnoj por solidareco kun la batalanta popolo de Vjetnamio". En multaj landoj estis organizitaj protestaj kampanjoj, demonstracioj, kunvenoj antaŭ la legacioj de Usono.

Sobre pensantaj rondoj en Usono mem, en kies nombro troviĝas ankaŭ iuj senatanoj kaj membroj de la Kongreso, kiel Fullbright, Gruning, Kenan Jung kaj aliaj, insistis ke oni devas trovi pacan eliron el la aventuro de Usono en Vjetnamio. Du mil pastroj de evangeliaj, katolikaj kaj hebreaj eklezioj plej energie insistis per publika letero adresita al Johnson: „Sinjoro Prezidanto, je la nomo de Dio, ĉesigu la militon!" Similajn apelojn direktis al la registaro de Usono ankaŭ du mil kvincent membroj de la Asocio de la Usonaj Sciencistoj, kvarcent verkistoj, sociagantoj kaj artistoj, miloj da virinoj, junuloj kaj aliaj civitanoj de Usono. Konsiderinda parto de la studenta junularo en pli ol kvindek universitatoj de Usono organizis kunvenojn kaj insistis pri paca likvido de la Vjetnamia problemo. Oni organizis ankaŭ protestajn demonstraciojn antaŭ la Usona reprezentantaro ĉe la Organizacio de la Unuiĝintaj Nacioj en Nevjorko. Kaj en okcidenta Berlino. Komenciĝas ŝtormo da protestoj kaj indignoj en la tuta mondo! La imperiistoj el Washington, Bonn, London kaj aliloke estos devigataj prikonsideri la volon de la popoloj!

La socialismaj landoj, pli speciale Sovetunio, publike avertis Usonon, ke ili ne permesos al ĝi senpune turmenti per

militteroro la popolon de Vjetnamio, kaj, se estus necese, ili sendos volontulojn por ĝia defendo kontraŭ la neprovokita agreso de Usono.

La dua ĉefa danĝero, estas la livero de nuklea armilaro al la okcidentgermanaj militaristoj.

La rezistado de la popoloj, firme decidintaj malebligi la nuklean armadon de la Okcidenta Germanio, jam tiom grandiĝis, ke el 15 registaroj, partoprenantoj statoj en NATO, dek rifuzis partopreni en la Usona projekto. Senmaskigita estis ankaú la aventurisma karaktero de alia projekto – estigi sur la teritorio de la Germana Federacia Respubliko zonon el atomaj minoj laŭlonge de ĝiaj landlimoj kun la socialiasmaj landoj, kio povus transformi ĉiun ordinaran landliman incidenton en termonuklean militon.

La pasintjaraj dumpaskaj karavanoj de la pacbatalantoj en la Germana Federacia Respubliko, Anglio, Italio, Belgio, Kaj ankaŭ en la Skandinavaj Landoj, estas parto de la tutmonda fronto de la batalo por paco. Ili deklaris sin decide ankaŭ kontraŭ la agreso de Usono en Vjetnamio. Per tio la partoprenantoj en la dumpaskaj karavanoj ankoraŭfoje pruvis, ke por la efektivigo de la principoj de paca kunekzistado, unu el la plej gravaj formoj de la batalo de l'popoloj kontraŭ la imperiismo estas la batalo kontraŭ la termonuklea danĝero.

Konekse kun tio, notinda estas ankaŭ nun kunsido de la Usona Senato, kie faris interesan paroladon Robert Kennedy, frato de la murdita Usona prezidanto John Kennedy. En tiu sia parolado Robert Kennedy apelacias al la prezidanto Johnson, ke li metu sur centran lokon en la politiko de Usono klopodojn por malebligi la disvastigon de la nukleaj armiloj. La senatano faris jenajn konkretajn proponojn:

*„Usono senprokraste komencu intertraktojn kun Sovet-Unio kaj aliaj landoj, kiuj posedas aŭ posedos baldaŭ termonuklean armilaron, por ke estu subskribita traktato kontraŭ la disvastigo de tiuj armiloj.*

*Usono trastudu la eblon por krei zonojn liberajn de nuklea armilaro en la Latina Ameriko, Afriko kaj la Meza Oriento. La en 1963 subskribita traktato pri parta malpermeso de la nukleaj eksperimentoj, estu plivastigita, por implici ankaŭ la subterajn nukleajn eksperimentojn."*

Robert Kennedy finis sian paroladon per la vortoj: *„Se ni deziras lasi al niaj infanoj planedon, sur kiu ili vivu trankvile, ni devus ekiri la vojon al la paco."* La proporcio de la fortoj estas decide ŝanĝita, profite al la pacamaj ŝtatoj. Kaj se ni mobilizas la popolojn por ankoraŭ pli decida kaj rezultodona batalo por paco, tio ne signifas, ke hodiaŭ la fortoj de la paco staras senpove kontraŭ la fortoj de la imperiisma agreso, sed la humanisma batalo de la pacamantoj devigos ilin rezigni la efektivigon de iliaj celoj, de iliaj frenezaj militaventuroj. Kaj tiam efektive malkovros sin vasta vojo al paca evoluo prospera al la mondo, por libera interŝanĝo de kulturaj valoroj, por senembarasa disvolviĝo de la ekonomiaj kaj komercaj rilatoj inter ĉiuj landoj, por paca konkurado inter la ekonomio kaj la ideologio de la suverenaj ŝtatoj kun malsama sociordo.

## II. La esperantistoj kaj la batalo por paca kunekzistado

Senduba vero estas, ke la internacia Esperanto-movado ĝenerale estas orientiĝinta al demokratia kaj pacama spirito; ke la esperantistoj laŭprincipe estas adeptoj de kamaradeco kaj konkordo inter la popoloj; ke ili ŝatas la pacon kiel plej superan vivbezonon por la homaro, kaj en la nomo de tiuj noblaj ideoj ili disvastigas la neŭtralan internacian lingvon Esperanto, por helpi al la triumfo de la interkompreniĝo de ĉiuj popoloj sur la terglobo. La ideo pri internacia amikeco estas ĉefa bazo de la aktiveco de ĉiuj esperantistoj, sendepende de ilia politika, idea, religia, nacia kaj rasa aparteno kaj vivkonceptoj. La obstina naciismo, ŝovinismo, rasismo, faŝismo, fanatika opoziciemo rilate al la demokratiaj kaj progresemaj movadoj estas fremdaj al la esperantistoj. La kaŭzo pri tiu ĝojiga fenomeno troviĝas en tio, ke kune kun la lernado de la lingvo Esperanto estas kultivataj ankaŭ la noblaj ideoj kaj sentoj pri humanismo, strebado al fortikigo de la amikeco inter la homoj kaj triumfigo de l'eterna paco sur la tero. Portanto de tiaj ideoj kaj sincera kontraúulo de la milito estis dum sia tuta vivo ankaú la aútoro de Esperanto mem, d-ro Zamenhof.

Ĉio ĉi estas bona, kaj ĝi igas la esperantistojn senti sin ligite kun la batalo por paco. Ne hazarde multaj el ili partoprenas aktive en la diversaj formoj de




*Paskomarŝo 1966 en Norvegio Demonstrantoj inter la NATO-ĉefkomandejo en Kolsas kaj la ĉefurbo Oslo*

*Protestmarŝo de eksterlandaj studentoj de la Teknika Universitato Dresdeno kontraŭ la USA-agreso en Vjetnamio*

Foto: Zentralbild

batalo por paco, gvidata en iliaj landoj. Eminentaj esperantistoj estas elektitaj en la gvidorganoj de la movadoj por paco, ankaŭ en la lokaj komitatoj por paco. Oni povas aserti pozitive, ke pli ol la duono el la organizitaj esperantistoj en la mondo apartenas al la organizacioj, kiuj aktive partoprenas en la batalo por konservo de la monda paco, kvankam ne ĉiam tio estas surbaze de egalaj filozofiaj kaj ideaj pozicioj. Bedaŭrinde, en la medio de apartaj esperantistaj naciaj kaj internaciaj movadoj por paco ankoraŭ mankas unueco en la agado. Sed malgraŭ tio ilia fundamenta strebo estas la sama: malhelpi al la militinstigantoj, kiuj celas ĵeti la mondon en novan termonuklean militon.

Sed devas esti sincere dirite, ke ekzistas tuta serio da esperantistaj naciaj kaj internaciaj organizacioj, kiuj ne iras pli malproksimen al tio – fari nur platonismajn deklarojn pri sia amo al la monda paco. Iuj el ili timas fari eĉ tiajn deklarojn, por ne esti akuzataj, ke ili ĉesas esti neŭtralaj . . . La gvidorganoj de similaj organizacioj forgesas, ke pri la problemo de la paco kaj la milito la neŭtraleco estas absolute sensenca, kaj fakte ĝi signifas, ke vole aŭ nevole, oni subtenas la instigantojn de milito kaj iliajn kunhelpantojn. Sen aktiva partopreno en la batalo por paco en sia lando, kune kun la amikoj de la monda pacmovado, la esperantistoj nur per siaj individuaj kaj izolitaj manifestaĵoj ne povas kontribui efike por la defendo de la paco. Kaj ĉu tiaj esperantistoj, kaj precipe la estraranoj de similaj esperantistaj organizacioj ne povus kompreni, ke se eksplodus tutmonda termonuklea milito, la esperantista movado estos kondamnita je morto? Jam antaŭ la eksplodo de la Dua Mondmilito, ĝiaj iniciatintoj – la germanaj hitleranoj kaj la ilin protektantaj monopolistoj malpermesis la ekzistadon de ĉiuj kaj ĉiuspecaj progresemaj demokratiaj organizacioj, inkluzive la esperantistajn. Do, la homoj, kiuj ŝatas la celojn de la esperantista movado, kiu laŭ sia karaktero estas internacia, devas labori aktive en la movadoj por paco, kaj praktiki solidarecon internacian. Alimaniere, kiel diris iam Georgi Dimitrov, nur per magiaj vortoj ni ne povus malebligi la imperiisman agreson.

Iufoje, parto de la esperantistoj sin detenas de partopreno en la kontraŭmilita batalo, pretekstante, ke ili ne volas sin enmiksi en la politikajn batalojn, ĉar ili malamas la politikon kaj volas resti nepolitikemaj. Kompreneble, neniu povas esti devigita perforte akcepti tian aŭ alian politikan ideologion. Tio estas demando pri interna, individua konvinko. Sed kiam temas pri tutmonda termonuklea milito – al ili devas esti anticipe klare, ke neniu povus esti amiko de la paco, sen firma politika pozicio kontraŭ la malamikoj de la paco. Tiurilate meza, neŭtrala pozicio ne povas ekzisti. La arogantaj militemuloj deklaras publike, ke ili estas por la uzo de la atombombo kontraŭ siaj politikaj kontraŭuloj. Tio ja estas kategoria politika pozicio. La ŝajna neŭtraleco en tiu ĉi okazo tre plaĉas speciale al la malpura konscienco kaj la insidaj planoj de la militinstigantoj. Kiu honesta esperantisto dezirus, kvankam nevole, subteni la nehumanan pozicion de la imperiistoj? Evidente, homoj, kiuj kontentigas sin nur per humilaj pacifismaj deklaracioj, timigus neniun militemulon. Nur la amase organizitaj aktivaj kampanjoj de l'paco en ĉiuj landoj povas esti solida obstaklo kontraŭ ĉiuspecaj planoj por nova milito. Ĉuste tiel devas procedi ankaŭ la esperantistoj, postulante, ke la paca kunekzistado estos konstanta leĝo en la rilatoj inter la ŝtatoj. La diversaj politikaj konceptoj ne malhelpas al la honestaj esperantistoj unuiĝi surbaze de tia kaj sole sava ideo por la homaro.

Ekzistas ankaŭ alia kategorio de esperantistoj, arde dezirantaj la konservon de la paco en la mondo, sed ili lasas tiun ĉi taskon al la registaroj, ĉar laŭ ili tiu afero ne estas laŭ ebloj kaj la fortoj de la ordinaraj homoj. Unuavide tia maniero de rezonado ŝajnas prava, ĉar en multaj landoj la regantaj faktoroj tute ne turnas atenton al la opinio de la ordinaraj homoj pri similaj vivgravaj problemoj. Tamen la historio de ĉiuj ĝisnunaj militoj montras al ni, ke la organizantoj de militoj zorgeme klopodas ricevi la aprobon de la vastaj popoltavoloj, antaŭ ol kunvoki ilin sub la standardojn. Milito, kiu ne estas subtenata de la dominanta parto de l' popolo, anticipe estas kondamnita je malsukceso. Eĉ io pli: en nia epoko, la gvidantoj de grandaj ŝtatoj estis devigataj de la publika opinio en sia kaj en aliaj landoj atendi kaj ĉesigi jam komencitajn militoperaciojn kontraŭ aliaj ŝtatoj. Pro tio, la ordinaraj homoj ne devas subtaksi siajn fortojn kaj eblojn por influi sur la ardiĝintajn kapojn de la ŝtatistoj kaj devigi ilin agi pli trankvile, pli prudente. Kaj se ĉiuj esperantistoj havus tiun ĉi vidpunkton, ili povus energie enfluigi siajn fortojn en

Anna Aĥmatova

## LA KANTO DE LA PACO

En ondoj de l' etera spaco  
Trans multaj maroj kaj montar'  
Vi flugu, la kolomb' de paco,  
Vi flugu, l' kanto de l' homar'.

Rakontu vi en ĉiu loko,  
Por aŭdi vin en ĉiu dom' –  
Alproksimiĝas jam epoko,  
Pri kiu longe revas l' hom!

Ne sola restas vi – jen pluraj  
Kolomboj flugas al ĉiel',  
Renkontas vin kun koroj puraj  
Amikoj de la nobla cel'.

Vi flugu al la sunofalo,  
Al fum' sufoka de l' uzin',  
Al negra povra loĝkvartalo,  
Al Gango blua en senfin'.

El la rusa tradukis Aleksandr Logvin – Moskvo – (C. R.)



la komunan movadon de la pacbatalantoj.
Iuj esperantistoj ankau estas influataj de la eraraj sugestoj de la reakcia propagando, kiu senargumente asertas, ke la kampanjo por defendo de la paco estas komunista propagando, el kiu nur la komunistoj havas profiton.
Ĉu ne devas esti klare al ĉiu objektiva observanto, ke pri la paco estas interesataj la plej granda parto el la loĝantaro de ĉiu lando, sendepende de ilia politika konvinko? Ĉu oni pravas suspekti la katolikajn papojn pri simpatioj al la komunismo, kiam ili apelacias al la ŝtatistoj, klopodi por la konservo de l'paco en la mondo? Multaj eminentaj sociagantoj, sciencistoj, filozofoj, ekonomiistoj, ŝtatistoj, ekzemple Iton, Robert Kennedy, Russel, Lippman, la forpasinta papo Johano dudek tria, kaj lia posteulo – la nuna papo, same kiel multaj aliaj eminentuloj, havas nenion komunan kun la komunismo. Tamen, tio tute ne malhelpas al ili subteni en unu aú en alia formo poziciojn, kiuj fortikigas la pacon en la mondo.
La atombombo ne elektas siajn viktimojn laú politikaj simptomoj. Viktimoj de la termonuklea morto fariĝas ĉiuj klasoj de la loĝantaro, sendiference de politikaj konceptoj. Sekve, en la batalo por konservo de la paco, por stabiligo de la paca kunekzistado devas partopreni ĉiuj homoj, dezirantaj esti savitaj de la terura sorto, kiun preparas por ili diversaj rabiĝintaj aventuristoj.
Celante helpi kaj estigi konvenan kaj ĝustan rilaton al tiu problemo fare de la esperantistoj el ĉiuj landoj kaj de homoj el ĉiuj organizacioj, havantaj plej diversajn konvinkojn, por ke ili povu trovi la vojon al aktiva partopreno en la batalo kontraŭ la danĝero de nova imperiisma milito, oni kreis la Mondpacan Esperantistan Movadon (MEM). Ekde sia kreiĝo ĝi deklaris, ke ties membroj laboros sub la standardo de la Tutmonda Packonsilantaro (TPK).
Oni kreis MEM, ĉar multaj naciaj kaj internaciaj esperantistaj organizacioj ne okupis klaran pozicion kontraŭ la imperiisma milito, kaj kontentigis sin esprimi tre abstraktajn kaj nekonsenkvencajn pacifismajn deklaraciojn. MEM per la unuigitaj fortoj de la aktivaj pacbatalantoj en la naciaj kaj internaciaj esperantistaj movadoj montras la solan vojon, La ĝisnunaj rezultoj pruvas, ke malgraŭ siaj malperfektaĵoj el organiza kaj ideologia karaktero, MEM bone plenumas siajn taskojn. La pli amasa aliĝo al MEM fare de la esperantistoj, precipe en iuj okcidentaj landoj, la publika subteno al MEM fare de aŭtoritataj naciaj kaj internaciaj esperantistaj organizacioj, kaj ankaŭ ilia solidariĝo kun la celoj kaj la principoj de MEM, sendube donus ankoraŭ pli fortan antaŭenpuŝon al la batalo por paco, fare de la esperantistoj. Tio levus ankoraŭ pli alten, antaú la okuloj de la vastaj neesperantistaj medioj, la aŭtoritaton kaj la prestiĝon de la esperantistoj kiel demokratiaj kaj pacamaj akcelantoj de humanisma celado.
Ekzistas ankaŭ aliaj internaciaj esperantistaj movadoj kaj organizacioj por paco, kies programo konsiderinde diferencas de la fundamentaj pricipoj kaj celoj de MEM. Tamen tio ne malhelpas al MEM kontaktiĝi kun ili, se ne pri ĉiuj problemoj, almenaŭ pri kelkaj komunaj punktoj el la vasta porpaca programo. Antaŭ MEM staras larĝega kampo por laboro en la medio de la esperantistoj en ĉiuj landoj. La pli amasa disvastiĝo de ĝia monata presorgano – la gazeto „PACO" kontribuos por la plua popularigado de la ideoj kaj la celoj de MEM.
La varbado ne novaj aktivaj adeptoj de la principo de paca kunekzistado inter suverenaj ŝtatoj kun malsama sociordo estos konkreta akiro por MEM en la batalo por konservo de la tutmonda paco.
La pozicio, kiun MEM okupis kontraŭ la imperiisma agreso de Usono en Vjetnamio kaj por paca solvo de la Vjetnamia problemo en la spirito de la Ĝenevaj Interkonsentoj, kontraŭ la armita interveno de la armeoj de Usono en la internajn aferojn de la Dominika Respubliko, kio prezentas absolutan malobservon de la ŝtatuto de la Organizacio de Unuiĝintaj Nacioj kaj la rajtojn de ties Konsilantaro por Sekureco; kontraŭ la projekto pri disponigo de termonuklea armilaro al la okcidentgermanaj revenĝemuloj kaj militaristoj –, similaj kaj aliaj kampanjoj kaj pozicioj de MEM montras justan kaj aktivan rilaton al la vivgravaj problemoj de la pacbatalo en la mondo kaj kontraŭ la konkretaj portantoj de la militdanĝero. La aprobo de la Moskva Traktato pri malpermeso de la eksperimentoj per termonuklea armilaro en la tri sferoj ankaŭ estis akto de prudenteco fare de MEM, ĉar la subskribo de similaj traktatoj kaj de regionaj paktoj inter grupoj da ŝtatoj por kreado de zonoj sen atoma armilaro – ĉio ĉi estas reala paŝo al la fortikigo de la paco en la tuta mondo.

## III. Konkludo

La rezisto de la batalantaj popoloj kontraŭ la agresantoj kreskas konstante; disvastiĝas la internacia movado por solidareco kun la popolo de Vjetnamio kaj kun la ceteraj popoloj, batalantaj por sia liberiĝo. La usonaj imperiistoj pli kaj pli falas en moralan kaj politikan izolitecon. La imperiistoj timas pri la morgaŭa tago; ili timas ankaŭ la malintensiĝon de la internacia streĉeco, kiu kondamnas je plena fiasko ilian tutan politikon de agreso. Pro tio ili klopodas per provokoj kaj militoperacioj ardigi la atmosferon ĝis la plej ebla maksimuma grado, por timigi la popolojn kaj la pacamajn fortojn. Ili tintigas la armilojn kaj kriaĉas malice kontraŭ la fortoj de la paco. Sed tio tute ne estas signo de forto, ĝi nur malkasas ilian timon antaŭ la sorto, kiu atendas ilin.
Necese estas per ĉiuj fortoj disvastigi la amasan reziston kontraŭ la agresaj agoj de la imperiistoj, necese estas plifortigi la kampanjon por defendo de la popoloj, kiuj fariĝis viktimoj de la imperiisma agreso. La esperantistoj povas kaj devas plej aktive partopreni, kiel en la agado de MEM, per ĝiaj naciaj sekcioj, tiel ankaŭ en la kampanjoj, organizataj de la naciaj movadoj por paco en ĉiu lando. La partopreno de MEM per sia delegitaro en la Tutmonda Kongreso por Paco, nacia sendependeco kaj ĝenerala malarmado en Helsinki kaj la realigo de la decidoj de tiu Kongreso fare de ĉiuj esperantistoj, estos nova kontribuo por la internacia esperantista movado en la batalo por fortikigo de la paco kaj de pli kaj pli aktiva firmigo de la principo pri paca kunekzistado. La mondpaca kongreso en Helsinki montris novajn realajn batalrimedojn por malebligi la eksplodon de la tute sensenca kaj pereiga por ĉiuj atombomba milito. Efektivigi tiun ĉi neprokrasteblan taskon estas devo de ĉiuj honestaj homoj sur la tero, sekve ankaŭ de la esperantistoj.
Ni ne ŝparu niajn fortojn por certigi plenan venkon en la batalo por paco, nacia sendependeco kaj ĝenerala malarmado en la tuta mondo!
Nia afero estas prava – ĝi triumfos!

*(C. R.)*

LA ĉisupra kontribuo estas parolado (ete reduktita) de la prezidanto de l'Mondpaca Esperanto Movado prelegita je la MEM-Kunveno, okaze de la Eŭropa-Konferenco de UEA 1965 en Vieno. Ni presis ĝin, ĉar ĝi estas ankoraŭ same aktuala.

*Daŭrigo de paĝo 2*

nia lando estas bonreputaciaj ankaŭ la Akademio por Plastikaj Artoj, la Medicina Akademio „Karl Gustav Carus" kaj la Altlernejo por Muziko „Carl Maria von Weber".

La Dresdenaj teruraj spertoj en la pasinteco, la imponaj laborrezultoj de la nuntempo kaj la tiel proksimaj sukcesoj estontaj instigas la loĝantojn, fari ĉion eblan por la paco en la mondo. Por direkti kaj precipe fortigi sian laborist- kaj kampulŝtaton, miloj da civitanoj kunlaboras en nepagataj kolegioj. Multaj centoj da enloĝantoj apartenas al konstantaj komisionoj de parlamentoj kaj helpas ĝeneraligi bonajn spertojn en la fakoj de konstruaferoj, loĝejaferoj, komerco kaj provizado, financoj, trafiko ktp., kaj helpas procedi kontraŭ mankoj. Pliaj miloj da homoj kontaktas kiel domaj aŭ stratаj konfidenculoj kun la Dresdenanoj, loĝantaj en la samaj loĝkvartaloj kaj helpas ligi intiman rilaton inter ŝtataj organoj kaj loĝantaro. Konsiderindaj sukcesoj de la Dresdenanoj bazas en la „Nacia Rekonstruverko", tio estas en libervolaj laborhoroj, el kiuj rezultas pojare meznombre valoroj de 12–15 milionoj da markoj.

Sed kio iĝus el ĉio tio, se oni ne sukcesus savi la pacon. La Dresdenanoj investis pro tio sian tutan scion kaj povon, por ĉiukaze malebligi novan popolmurdadon, novan mondbruladon. El tuta koro ili akcelas la proponojn, kiujn prezentis la prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro de nia Germana Demokratia Respubliko Walter Ulbricht en sia novjara manifesto al la Okcidentgermana Federacia Parlamento:

1. Ambaŭ germanaj ŝtatoj rezignos pri atomarmigo kaj kundispono je atomarmiloj ĉiuspecaj.
2. Ambaŭ germanaj ŝtatoj agnoskos la ekzistantajn landlimojn en Eŭropo.
3. La Germana Demokratia Respubliko kaj la Okcidentgermana Federacia Respubliko ekrilatos diplomate (servante al la eŭropaj paco kaj sekureco) al ĉiuj ŝtatoj de la NATO respektive al ciuj ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto.
4. Ambaŭ germanaj ŝtatoj deklaros sian pretecon, intertrakti pri la malarmigo en Germanio.
5. Ambaŭ germanaj ŝtatoj solene rezignos pri tiaj agoj, leĝoj kaj aranĝoj, kiuj baros la vojon al la likvido de la disigo kaj al la reunuiĝo, kiel ekzemple atoma armigo, danĝerstatleĝoj ktp.
6. La registaroj de ambaŭ germanaj ŝtatoj ekpritraktos kun la celo, normaligi la rilatojn inter la germanaj ŝtatoj kaj aliaj civitanoj. Ni komencu per la malarmigo en Germanio!

Tiuj proponoj helpas konservi la pacon. La civitanoj de nia urbo tute agnoskas tiujn proponojn, ĉar ili helpas sekurigi la socialisman rekonstruverkon. Mi kaptas la okazon, transdoni korajn salutojn al ĉiuj legantoj de „PACO". Mi estas certa, ke multaj el vi decidos, viziti nian urbon. Kaj ni ĝojos, se vi estos inter la proksimume 300000 eksterlandaj gastoj, kiuj ĉiujare admiras la vidindaĵojn de Dresdeno.

*Transformatora fabriko Dresdeno*

Foto: Körner



# ARKITEKTURO DE PREĜEJOJ-DENOVE ESTIĜINTAJ

## MARKSISTOJ KAJ KRISTANOJ AGADAS KOMUNE POR LA PACO



*Unu el la plej multvaloraj germanaj romanaj preĝejoj estas la fondaĵpreĝejo en Quedlinburg. Dum la nazia tempo ĝi estis profanata al „nazia-benejo". Dum la milito la preĝejo suferis gravajn difektojn per granadoj. 1951–1960 okazis la kompletriparado.*

Foto: Kl. G. Beyer, Weimar

Kiam en aŭgusto de 1964 en la tradiciplena kastelo „Wartburg" la prezidanto de la ŝtatkonsilantaro de la Germana Demokratia Respubliko, Walter Ulbricht, kun la plejaĝulo de la evangeliaj episkopoj en la GDR, landepiskopo d. dr-o Moritz Mitzenheim, konversaciis pri la plua kunlaborado inter ŝtato kaj eklezio, oni nur daŭrigis tion, kio jam estis komencita dûm la unuaj horoj post la hitlera milito en la orienta parto de Germanio; marksistoj kaj kristanoj agadas komune, interligite al komuna celo, al la konserveco kaj sekureco de la paco.

Walter Ulbricht estimis la historie tiel signifplenan kunlaboradon de ateistoj kaj kristanoj per la vortoj: „Se ekzistas en iuj problemoj diferencaj opinioj, tiam ni parolas pri tio, klarigas la problemojn kaj interkompreniĝas. Ĉiukaze ni estis pruvantaj, ke ne nur kvin partioj, sed ankaŭ homoj de diferencaj mondkonceptoj povas kunlaboradi. Tio ĉi estas la plej grava. Tio plene akordas kun tio, kion Vi, sinjoro Episkopo, esprimis: „la komuna humanisma respondeco interligas nin ĉiujn."

Tiu ĉi kunlaborado konfirmas ankaŭ per unu de la plej signifoplenaj kulturagoj de la Germana Demokratia Respubliko: ĉe la denova konstruado de multaj preĝejoj havantaj altan monumentvaloron, kiuj estis detruitaj dum la dua mondmilito, kaj ĉe la novkonstruado de preĝejoj.

Ankaŭ tio ĉi apartenas al la heredaĵo de la „Tausendjähriges Reich" (Miljaraĝa Regno): Sole sur la teritorio de la GDR estis tute detruitaj aŭ grave difektitaj 3098 de ĉirkaŭ 10 900 preĝejoj de ĉiuj konfesioj kaj religisocioj.

Estas esprimo de la frateca rilato de la socialista ŝtato al siaj kredemaj ŝtatanoj, ke ĝi ekde sia fondo donis konsiderindan financan helpon al la eklezioj.



La jaraj kunhelpaĵoj por la instruado de la junaj teologoj sumiĝas je ĉirkaŭ 4 milionoj markoj, por la konservado kaj rekonstruado de ekleziaj konstruaĵoj disponigas la ŝtato el specialfonduso ĉiujare 1,2 milionojn da markoj. Aliaj sumoj devenas de la ĝenerala fonduso por eminentaj taskoj de la monumentflegado ĉe la ministerio de la kulturo.

En la GDR ĝis hodiaŭ estas rekonstruitaj, nove konstruitaj aŭ restaŭritaj ĉirkaŭ 900 preĝejoj kaj ekleziaj konstruaĵoj. La kalumniado estas ofte aplikigata rimedo de la batalo kontraŭ la Germana Demokratia Respubliko. La ĉiam denove prezentata mensogo de la laŭdire „Kulturbarbareco de la Oriento" tamen frakasegas je la faktoj – de 900 ŝtonaj atestantoj de Rostock ĝis Erfurt. Konsiderindan kontribuon okaze de la 20 a datreveno de la liberigo de la faŝismo, efektivigis la eldonejo „Union Verlag" en Berlin per la eldonado de ampleksa dokumentaro en vorto kaj bildo pri la „Rekonstruado de Preĝejoj en la Germana Demokratia Respubliko". La libro skizas la kultur- kaj eklezipolitikajn antaŭkondiĉojn pri la rekonstruado de la preĝejoj kaj akcentas la historiajn kaj kulturhistoriajn liniojn, kiujn oni devis atenti, por restaŭradi tiajn ekleziajn monumentojn kiuj estis detruitaj dum la dua mondmilito.

„La plej bonan helpon, kiun ŝtato povas doni al la eklezioj, konsistas en tio", tiel formulis la ŝtatsekretario per ekleziaj aferoj, Hans Seigewasser, en la antaŭparolado, „ke ĝi per konsekvenca, persistema kaj kuraĝa pacpolitiko forigas la danĝeron, ke dum nova, ankoraŭ pli terura mondbrulego denove estos disŝiritaj turoj kaj volboj de malnovaj preĝejoj, forbruliĝos altaroj, sonoriloj disfandiĝos en la fajrado kaj la konsciencoj sovaĝiĝos.

*Trad. Kl. U. Riemann*

La bildoj estas prenitaj el la libro „La rekonstruado de la preĝejoj en la Germana Demokratia Respubliko", eldonita en la eldonejo „Union-Verlag" Berlin

*La katolika kortega preĝejo en Dresden post la detruado*

Foto: Deutsche Fotothek

*Bildo malsupre: Meza navo kun altaro de la Dresdena katedralo post la rekonstruado (novkonsekro 1962)*

Foto: Kl. G. Beyer, Weimar

# SUPER LA FOTOJ

La paĝon gazetan rigardas nun mi,
Kaj ŝajnas, ke fumas linioj.
Brusone bruligas animojn al ni
La vorto el fajro kaj flam' – Vjetnamio.

Kaptis maten' de radio la voĉon
Kaj perdis ĝi tutan trankvilon,
Tuj resonante al radioondoj,
Heroldoj pri via dolor', Vjetnamio.

Vidas nun mi: kuntiriĝis folioj,
Kaj bruas, brulegas la tuta ĝangal',
Renkonte al la terurega fajr'
Marŝas jen via taĉment', Vjetnamio.

La Fumo varmega super vilaĝo,
Kaj polvo el cindro kaj tero –
Jen la usona fivivmaniero
Kaj de oftaj vizitoj la stilo dolara.

Vidas mi fajron, kaj sangon, kaj brakojn
En spasmoj de l'morto . . . Kiom da ili! . . .
Kaj la bombaj turnoventegoj fajraj,
Kaj la ĉesinta rigidigita krio . . .

Kiu malami jam dekutimiĝis,
Kiu la emon koleri jam perdis
Kaj inter ĝojigaj eventoj forgesis,
Kio nun estas l'imperialismo, –

Jen tiujn ĉi fotojn ili rigardu,
Ili ekvidu en fajro ĝangalon,
Rabajn svingegojn de l'aviadiloj
Kaj la okulojn de la vjetnamiaj patrinoj.

*Elrusigis Iv. BRIL*



# „Donu viajn manojn al la popoloj..."

## LA LIGO POR POPOLAMIKECO DE LA GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO

*Aeroplano de la usonaj aerarmeo ĵetas bombojn sur sud-vjetnamian teritorion.*

*Patrino kaj infanoj fuĝas en Sud-Vjetnamio antaŭ la bruteco de la US-dungita soldato en la akvon.*

Foto: Zentralbild

La „Ligo por Popolamikeco de la GDR" estas ankoraŭ juna aranĝo. Ĝi fondiĝis je la 15a de decembro 1961 en Berlin. Bazo kaj kondiĉo por ĝia fondo estis la interna kaj ekstera politiko de la GDR, kiu estas firmligita kun la ideoj de paca kunekzistado kaj popolamikeco kaj kiu estas influata per la spirito de l'kontrakto de Potsdam (de 1945, pri la kreinda demokrata pacama Germanio).
La ideo de kompreniĝo inter popoloj, la humanismaj vortoj de nia nacia himno „Donu viajn manojn al la popoloj..." estiĝis spirita posedo de niaj civitanoj. Rezulto de tia prudenta reala politiko estas la senĉese kreskanta internacia aŭtoritato kaj reputacio de la GDR. Estiĝis necese krei organizaĵon en la GDR, por kolekti kaj konformi la strebadon de multaj societoj koncerne amikecon kaj kulturajn rilatojn al la eksterlando, por reprezentadi kaj informi multflanke la aliajn landojn pri la GDR.
Jam je la 7a de junio 1952 fondiĝis en Berlin la „Societo por Kulturaj Rilatoj al la Eksterlando". La unua ĉeftasko de la juna societo estis, firmigi la fidon de la civitanoj el socialistaj landoj al la Germana Demokratia Respubliko kaj konvinki ilin, ke la GDR estas firme maldisigebla parto de la socialisma mondo kaj por ĉiam rifuzas la ideologion de la imperialismo, rasismo kaj popola malamo.
Dum la sekvontaj jaroj la societo komencis nodi multflankajn interligojn ankaŭ al nesocialistaj landoj kaj iniciati objektivajn informojn pri la GDR. Evoluiĝis novaj formoj kaj metodoj de eksterlanda informado, kiuj konvenis al la diferencaj kondiĉoj kaj bezonoj de la

*Daŭrigo sur paĝo 12*

## GLORON AL NORMAN R. MORRISON KAJ ALICE HERZ

*Noto: Emilio, aĝa je 18 monatoj, estas la lasta filino de Norman Morrison. Tiom amante sian idon, la 2an-II 1965, Morrison kunportis sur siaj brakoj Emilion de la hejmo ĝis Pentagono, kaj tie ĉi, li forlasis sur teron sian karan filineton, kaj lastafoje rigardante ŝin, la heroa patro ekbruligis sin por manifesti sian proteston kontraŭ la agresa milito al Vjetnamio starigata de la usonaj regantoj.*

Ni estis sciantaj tion. Ne pro tio, ke li estis kvakero, patro de tri infanoj, – ke oni nomis lin *Norman R. Morrison.*
Sed ni estis sciantaj, ke el la profundo de tiu Ameriko fiera pri siaj tradicioj de libereco kaj demokratio, devus leviĝi iutage tia korŝira voĉo, tia fulgura verdikto, kiu sen ebla apelacio, najlas sur pilorio la Ĵonsonojn kaj Mac-Namaraojn, savgardas la honoron de la usona popolo.
Estis tempo, en kiu la standardo de la Amerika Revolucio anoncis la aŭroron de nova erao. Estis tempo, dum kiu la junaj usonanoj sin oferis por rompi la faŝismon. Ĉion tion, ni neniom forgesis, eĉ dume niaj infanoj mortas bruligitaj per napalmo, asfiksiitaj per toksaj gasoj, dume niaj urboj kaj vilaĝoj estas frakasataj per usonaj bomboj.
Revoluciuloj, ni metas plenan fidon je la homo, je la popoloj.
Ni longdaŭre atendadis, sen perdi paciencon. Ni postsekvadis, paŝon post paŝo, kun emocio kaj respekto, la naskiĝon de tiu movado, kiu fine eksplodigis ĉiujn oficialajn propagandajn artifikojn, por hodiaŭe ekstarigi milionojn da usonanoj en granda impeto kontraŭ la agresmilito persistata de la homoj de Blanka Domo kaj de Pentagono.
Ni estis sciantaj tion, kaj tamen, tiuvespere, kiam niaj postenoj al ni anoncis la subliman geston de *Norman R. Morrison,* ni ne povis reteni profundan korŝokon. Iuj el ni ekploris, la aliaj restadis en silenta meditado; eĉ niaj infanoj, kiuj ne povis scii la tutan signifon de la evento, silentadis. Niaj infanoj alprenintaj la kutimon, kiam iu pirata aviadilo venas, ekkrii jen Johnson! mortigu lin! El Usono, ĝis nun nur tiun sinistran nomon konis niaj infanoj. Nun, ni jam povas lernigi al ili novan nomon, kiun ili prononcos kun amo: oĉjo Morrison.
Ann Morrison, pripploru vian edzon, kaj estu fiera pri li; nun, milionoj da vjetnamaj virinoj vin portas en sia koro. Pliploru vian paĉjon, Ben, Tinna, Emilio Morrison, sed sciu ke ekde nun, trans Pacifiko, milionoj da vjetnamaj infanoj adoptis vin gefratoj.

*

Emociite ni eksciis, ke la unua usonanino, kiu sinbruligis protestante kontraŭ la agresmilito al Vjetnamio fare de la US-regantoj, estis esperantistino! Ja, la sublima ago de samideanino *Alice Herz* grave kontribuis ne nur al la solidareco de ambaŭ popoloj sed ankaŭ al tiu de ambaŭ esperantistaroj usona kaj vjetnama, en la lukto kontraŭ la komuna malamiko – la militemaj usonaj imperiistoj – por revenigi pacon kaj la amikecajn rilatojn inter ambaŭ popoloj. Estas signifoplene, ke la *Tokia MEM-Konferenco* dediĉis al la heroino kaj samideanino minuton de silenta memorigo. Ni esprimas tie ĉi nian omaĝon al S-ino *Alice Herz* kaj esperas, ke ŝia sublima sinofero stimulos multaliajn usonajn geesperantistojn antaŭeniri al la venko de la justo kaj paco sur la mondo!

*El „INFORMADO" de V.P.E.A. Dec. 1965 (C R)*

diversaj kontinentoj kaj landoj. Tio necesigis estiĝi novajn amikecajn societojn teritoriajn. Tiel estiĝis en la septembro 1958, kiel unua, la „Germana-Araba-Societo". Ĝi ricevis intertempe kvanton da pluaj plijunaj „gefratoj". Apud la Germana-Araba-Societo nuntempe ekzistas en la GDR:

Germana-Afrikana Societo / Germana-Latinamerikana Societo / Germana-Sudorientasiana Societo / Germana-Norda Societo / Germana-Franca Societo / Germana-Italia Societo / Germana-Angla Societo / Germana-Belgia Societo / Komitato GDR-Japanio.

Krome ekzistas la societo „Nova Patrio", kiu efikas kaj evoluas la interligojn al fratoj germanan devenon. La „Societo por Kulturaj Rilatoj al la Eksterlando" plue funkcias apud la aliaj amikecaj societoj kaj prizorgas ĉefe la rilatojn al la socialistaj landoj.

En multaj landoj de la nesocialista eksterlando, registaranoj deputitoj kaj aliaj famaj personoj kiuj pledas por malvastaj rilatoj al la GDR, fondis naciajn amikecajn societojn, komitatoj kaj amikecaj rondoj. Tiu ĉi evoluo de naciaj amikecaj societoj karakterizas la kreskantan simpation al la GDR. Ĝi nun atingis staton, pri kiu oni povas diri, ke ĝi reprezentas specifan politikan fenomenon, kiu atingis internacian karakteron kaj ties celo estas, evolui normalajn rilatojn de la koncernaj ŝtatoj al la GDR kaj la akcelon de la amikeco inter vastaj tavoloj de la loĝantaro de l'koncernaj landoj al nia ŝtato. Tiuj ĉi societoj peras veran bildon pri la GDR, konigas la proponajn de la GDR pri paca reguligo de la germana problemo kaj al fundamentaj problemoj de la tuta homaro, kiel la ĝenerala kaj kompleta malarmigo, kreo de zonoj sen atoma armigo, kreo de sistemo de eŭropa sekureco kaj tiel gajnas novajn aktivajn amikojn al la subteno de tiu ĉi paca politiko. Nuntempe ekzistas pli ol 50 da tiaj naciaj amikecsocietoj kiuj efektivigas ampleksan informadon pri la GDR prefere en Francio, Italio, Finlando kaj en pluaj eŭropanaj, asianaj, afrikanaj kaj latinamerikanaj landoj, pere de bultenoj, paroladoj, filmoj, aranĝoj ktp.

La Ligo sindonis ĉe sia fondiĝo jenajn taskojn, kiujn ĝi intencas solvi sole aŭ komune kun la koncernaj amikecsocietoj: komenci aŭ plivastigi kaj profundigi kontaktojn al multflankaj rondoj de la socia kaj kultura vivo de la eksterlando; realigi en la eksterlando filmprezentadojn, ekspoziciojn, paroladojn kaj forumojn pri la GDR; organizi kursojn por eklerni la germanan lingvon; aranĝi kultur- kaj informencentrojn, legejojn kaj klubojn; akceli la interŝanĝon de delegacioj kaj personoj; eldonadi periodajn kaj neperiodajn publikaĵojn, lumbildseriojn kaj sonbendojn en multaj lingvoj; konatigi la loĝantaron de la GDR kun la historio, kulturo, socia vivo kaj ekonomia evoluo de aliaj landoj.

La informbezono pri la GDR en la eksterlando konstante kreskas kaj la ligo kaj siaj amikecsocietoj ĉiam klopodas vastigi sian informadon laŭbezone. 1965 aperigis la ligo kaj la amikecsocietoj 7 periodaj ĵurnaloj en 19 lingvoj. La intereso pri tiuj ĉi ĵurnaloj ĉiam kreskas en la eksterlando kaj same la postulo pri pli altaj eldonciferoj kaj pluaj lingvaj eldonoj, ankaŭ en Esperanto. Samtempe la ligo kaj siaj amikecsocietoj aperigis 218 publikaĵoj, kiuj amplekse informas pri la GDR kaj atentigas la mondon per klarigo de faktoj pri la danĝeroj devena de la agresema, revanĝema, novkoloniisma politiko de la ekstremistoj de Bonn (ĉefurbo de la Germana Federacia Respubliko). Estas realigita i. a. publicista agado ligita kun la apero de la „Braunbuch" (brunlibro) de la „Nacia Konsilantaro de la Nacia-Fronto de la Demokratia Germanio", kiu pruvas la agadon de milit-kaj nazikrimuloj en la Federacia Respubliko kaj kiu efikis fortan internacian eĥon. Ankaŭ la demaskigo de la okcidentgermana ŝtatprezidanto, kiel konstruisto de koncentrejoj, trovis grandan internacian atenton kaj kaŭzis mondvastan proteston. Apartan atenton nuntempe trovas en la mondo, la proponoj de la registaro de la GDR pri sistemo de eŭropa sekureco kaj pri la akcepto de la GDR en la UN. Ĉiam pluaj ekspozicioj, bild- kaj diaserioj, dokumentaj- kaj popularsciencaj filmoj fremdlingvaj estas montrataj en la eksterlando.

La ligo partoprenis 1965 per la koncernaj amikecsocietoj kun informstandoj je ĉiuj gravaj internaciaj foiroj, ekzemple en Colombo, Göteborg, Damaskus, Vieno k. a. Kelkcentoj da gastoj el 49 landoj 1954 akceptis invitojn de la ligo kaj amikecsocietoj, viziti la GDR. Inter ili troviĝis multaj aŭtoritataj delegacioj, aparte ĝojiga estas ke ĉiam pli multaj ĵurnalistoj vizitas la GDR kaj per objektiva raportado kontribuas disvastigi la verecon en la eksterlando pri la GDR. Tiu ĉi multflanka agado kaj aktiveco de la ligo kaj amikecsocietoj tre kontribuis akiri novajn amikojn de la GDR en diversaj landoj. Gastoj de la ligo raportis entuziasme pri iliaj impresoj kaj kontraŭis decide la mensogojn pri la GDR, post ilia reveno en la hejmlanda gazetaro, en propraj publiciaĵoj, en radio kaj televidado.

La ligo kaj la amikecsocietoj konatigis la loĝantaron de la GDR kun la vivo de

*Daŭrigo sur paĝo 15*

## Tiam ĝi estos ebena lando...

Dum la unua duono de oktobro 1965 la Pariza ĵurnalo „France-soir" publikis la raporton verkitan ĉe la batalzonoj de la usonaj armeoj en Sudvjetnamio, de sia speciala sendito.

Komence de tiu raporto elstaras la diskuto registrita apud Da Nang inter oficiro de marinfanterio kaj sendito de Pentagono, sufiĉe malkaŝantaj la celojn celatajn de Usono en Vjetnamio kaj – tra tiu milito – trans Vjetnamio.

„En Vjetnamio ni devas demonstrii, ke estas eble, haltigi revolucian militon per ordinara milito. La serĉata celo estas, subigi la malamikon, devigi, ke ĝi ektraktu, humiligi ĝin, por ke ĝia humiligo utilu kiel averto al tiuj, kiuj emus, imiti ĝin."

„Por ke ĝi bone komprenu tion, ĉiutage estos plialtigata ĝia porcio da bomboj, ĝi estos frapata iom pli forte, ĝi estos iom pli multe suferigata."

„Se tio ne sufiĉos?"

„Tiukaze, iam oni redonos al ĝi ĝian landon. Ĝi sendube ne estos la sama lando.

Ĝi estos tute ebena lando."

*El „Combat pour la Paix" Nov.-Dec. 1965. Trad.: Roger Milon (C R)*

## Tra la esperantista gazetaro

Letero al la amerika Prezidanto: Altestimata S-ro Prezidanto! Kun miaj simplaj vortoj mi skribas al vi pri la krizo en Vjetnamo. Mi havas filon, kiu nun estas en Vjetnamo. Mia edzo servis en la dua mondmilito. Sed ĉi-foje temas pri io, kion mi ne komprenas. Kial junaj amerikanoj, naskitaj en lando plena de superŝaŭmantaj esperoj kaj oraj promesoj, devas suferi kaj ankaŭ morti en fora malproksima lando. Kial? – La plej saĝa konsilo: Iru hejmen! Al ĉiu popolo sia lando!

*(el „La Ĉusta vojo" No 159, cirkulero por katolikaj esperantistoj, Munkeno – Germanio/GFR –)*

### MEM: Senprecedenca sukceso

El la 45 programpunktoj de la Kongreso – krom la oficialaj komitatkunsidoj – estis la plej interesa kaj plej valora la kunsido de MEM, kie oni raportis pri la landaj pacmovadoj kaj pridiskutis la vjetnaman militon, postulante ke la amerika armeo forlasu Vjetnamion-Neniam sukcesis MEM-kunsido tiel bone kiel en Tokio. *(laŭ „Hungara Esperantisto" – C R –*

# KRISTANOJ POSTULAS EN EŬROPO SEKURECON

Sub la devizo „Solidareco kaj kunlaborado por justeco kaj paco" okazis en oktobro 1965 en Budapest signifa kunsido de l'Konsilanta Komitato por la Daŭrigo de la laboro de l'Kristana Packonferenco. 200 ekleziuloj, teologoj, reprezentantoj de eklezioj kaj religiaj societoj el 40 landoj – inter ili 11 ekleziaj reprezentantoj el la Usono traktadis la taskojn kaj disponojn, al kiuj – kiel estas dirita en la fina resolucio – „volas alvoki la Kristana Packonferenco ĉiujn kristanojn kaj ĉiujn bonvolajn homojn, konsidere al la pliakrigataj streĉoj destinantaj la internacian situacion". Seriozan atenton trovis la traktatoj pri la eŭropa sekureco faritaj de pastro d-ro Gerhard Bassarek, internacia sekretario de la Kristana Packonferenco de Praha, gvidanto de la Evangelia Akademio de Berlin-Brandenburg kaj membro de la Packkonsilantaro de la Germana Demokratia Respubliko. „La lastaj elektoj por la parlamento en la Germana Federacia Respubliko", li konstatis, „aprobis registaron kiu jam en la estinteco sekvis danĝeran politikan direkton, kaj ili estis kuraĝiganta ĉi-tiun registaron, plifortige daŭrigi gian direkton." Kiel al ĉi-tio karakterizajn sintenojn kaj faktojn rimarkis la pastro Bassarek, inter alia:

- Neagnosko de la rezultaĵoj de la dua mondmilito, postuladi limajn reviziojn kaj forgluti la Germanan Demokratian Respublikon kaj teritoriajn postulojn al la Sovetunio, al la ČSSR kaj Polujo.
- Militarismigo kaj denova triumfo de militarisma spirito, armado de la „Bundeswehr" (federacia armeo) kiel dua laŭ forto militpotenco en la okcidenta mondo, post Usono pretendo pri propra disponrajto pri atomaj armiloj;
- Malstreĉon malamanta politiko, kiel o. e. intervencioj kontraŭ unuiĝo en la Malarmiga Konferenco de Ĝenevo, enmiksado en la traktatoj paspermesilaj inter la registaro de la GDR kaj la senato de Okcidenta Berlin.
- Enmetado de la ekonomia forto en pacdanĝeriga maniero apogo por kolonialismaj sistemoj. Morala, persona kaj materia helpo por la malpura Usona milito en Vjetnamio, kunlaborado kun la rasista reĝimo Verwoerd en Sudafriko.

„Konfronte al ĉi-tiu danĝera, malstreĉecon malamanta kaj imperialisma politiko en la koro de Eŭropo, -akcentis pastro Bassarek-, ni subtenu la proponojn al Neataka Pakto inter la Nato kaj la Pakto de Varsovio, al la realigo de zonoj senatoma kaj reduktita de armilaro en Mezeŭropo – la Rapacki- kaj Gomulka-planoj –, en la Balkano kaj en la Balta Marregiono, por traktato pri la rezigno de atomaj armiloj inter la du germanaj ŝtatoj, kiu ne devas antaŭkondiĉi la aprobon de la GDR. Ni postulas la rezignon de agresiaj agoj, la pretecon pri malarmigo, la likvidadon de ĉiuj teritoriaj pretendoj kaj de la revenĝismo kaj per ĝi la akceptadon de la principoj de paca kunekzistado en Eŭropo."

Ĉerpita el „leteroj berlinaj"
*(Trad. Kl. U. Riemann)*



*La prezidanto de la ŝtato konsilantaro de la Germana Demokratia Respubliko Walter Ulbricht, parolante kun la landa episkopo d. d-ro Moritz Mitzenheim.*
Foto: Zentralbild

## Ĉu mi daŭre silentu?

Ĉu mi daŭre silentu meze
De tiuj junuloj senhalte kondukataj
Al la kalvario, for esti tie krucumataj?
Pro kio? Pro kiu?
Kiel daŭre silenti, kiam viaj piedoj tretas
La roson de grandaj kampoj tutsemitaj de blankaj krucoj,
Kiuj memoras pri tro frue falĉita junularo,
Mortnaskitaj revoj, rompitaj amjuroj?
Pro kio? Pro kiu?
Kiel surpaŝi la padon de la geamantoj,
Ne aŭdante en la ombro la flustradon de amo
Brula pro ardo, ĝermigi la vivon?
Pro kio? Pro kiu?
Kiel silente rigardi ĉiujn ĉi junulojn,
Senkuraĝigitajn kaj premege vivantajn,
Povrajn predojn de morto, ilin atendanta?
Pro kio? Pro kiu?
Kiel mi povus daŭre silenti,
Kiam vias infanaj kaj miaj infanoj,
Are kunigitaj sur la arbo de vivo,
Povas ĉiumomente esti deŝirataj kaj detruataj?
Pro kio? Pro kiu?

Henri Percikow (usonamo)

*Tiu poemo de protesto kontraŭ milito ĝenerale kaj la milito en Vjetnamio aparte estas publikigita en „Hartford Times", kaj legita en la usona senato dum debato la 24an de Marto 1964 de la alaska senatano Ernest Gruenig. La esperanta traduko estas farita laŭ franca traduko de Roger Asselineaŭ*
*(Combat pour la Paix – Francio – januaro 1966) – Roger Milon (C R)*




# La „Braunbuch" (Brunlibro) skue vekas la konsciencon de la homaro

**El la antaŭparolo de ĉi tiu dokumentado**

En majo 1965 revenis la 20an fojon la tago de la liberiĝo de la homaro el la teruraĵoj de la milito kaj de la faŝista barbareco.

La multviktima batalo de la popoloj, unuigitaj en la anti-hitlera- koalicio, kies ĉefan ŝarĝon portis la Sovetunio, finiĝis per plena malvenko de la faŝista agresanto, per la totala fiasko de sistemo, kiu per ĉeno de atakoj, kaj militistaj surprizatakoj, per regado de terorismo kaj arbitreco kaj plej teruraj militkrimoj kaŭzis la morton de 55 milionoj da homoj.

La koncepto „milit- kaj nazikrimoj" fariĝis sinonimo por popolmurdado, barbareco kaj sadismo, kaj la registaroj de la anti-hitlera koalicio esprimis la senton de la tuta pacama homaro, kiam ili en la Krim-a deklaracio proklamis: „Estas nia neŝanceligebla volo, detrui la germanan militarismon kaj nacionalsocialismon kaj zorgi pri tio, ke Germanio neniam ree estos en la stato, rompi la mondpacon. Ni faris la decidon, akuzi ĉiujn militkrimulojn ĉe tribunalo kaj zorgi pri rapida punado..."

La GDR faris gvidprincipon de sia agado, la celojn de la antifaŝista rezistmovado kaj de la anti-hitlera koalicio, kiu trovis sian esprimon en la Potsdam-a deklaracio. El ĉiuj regionoj de la publika vivo estis forigataj tiuj fortoj, kiuj preparis la duan mondmiliton kaj ĵetis la popolojn de Eŭropo en militon kaj mizeron. Tio estis en la intereso de la paco kaj sekureco de la eŭropaj najbarpopoloj kiel ankaŭ en la intereso de la germana popolo.

La GDR plenumis la komision de la germana popolo kaj la popoloj de la mondo, persekuti ĉiujn milit- kaj nazikrimojn kaj juste puni ilin. En la tempo depost majo 1945 ĝis decembro 1964 en la soveta okupacia zono kaj en la GDR estis akuzitaj entute

16 572 personoj pro partopreno en krimoj kontraŭ paco kaj humaneco kaj pro militkrimoj.

El ili estis

12 807 kondamnitaj
1 578 malkondamnitaj. La persekuto kontraŭ
2 187 akuzitoj estis ĉesigita pro foresto, morto aŭ surbaze de la amnesti-ordono elparolita de la Soveta Militista – Administracio Nr. 43/48 de la 18a de marto 1948, ĉar ne estis verŝajna pli longa puno ol unujara.

De la 12 807 juĝe respondecigitaj personoj 118 estis kondamnitaj al morto, 231 al dumviva pundomo kaj 5 088 al malliberecο de pli multe ol tri jaroj.

Kvankam la multe pli granda parto de la milit- kaj nazikrimuloj fuĝis post 1945 en la Okcidentgermanan Federacian Respublikon, kies loĝantaro estas trioble pli granda ol tiu de la GDR ĝis la unua de januaro 1964 estis akuzitaj nur 12 457 personoj. Ĝis marto 1965 per la tribunaloj de la Federacia Respubliko leĝvalide kondamnitaj nur 6 100 personoj; en pli multe ol 7 000 kazoj sekvis malkondamno, ĉesigo de la proceduro aŭ oni eĉ ne malfermis la ĉefproceson. Sed en tiuj kazoj, en kiuj okazis kondamno, la verdikto regule neniel estis en justa rilato al la krimo. De la 6 100 kondamnitaj nazikrimuloj kaj amasmurdistoj estis nur 80 kondamnitaj al la plej alta puno (naŭ al morto, 71 al dumviva pundomo)!

Ĉi tiu „brunlibro" enhavas kiel unua, ankoraŭ nekompleta enlistigo – la nomojn de pli multe ol 1 800 grave kulpiĝintaj gvidintaj nazi-funkciuloj kaj militkrimuloj, kiuj hodiaŭ neĝenate laboras en decidaj pozicioj de la okcidentgermana ŝtata kaj mastruma aparato aŭ ricevas altajn ŝtatajn pensiojn por ilia „meritplena" agado en la „Tria Regno".

La „brunlibro" pruvas: Al la apogantaj kolonoj de la Hitler-a diktaturo, al la vojpreparantoj kaj profitantoj de la persekuto kontraŭ la judoj, la organizantoj kaj komandantoj de la surprizatakoj kontraŭ preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo, al la konviktitaj mortigistoj de antifaŝistoj kaj rezistbatalantoj, hodiaŭ ree agantaj en Okcidentgermanio, apartenas inter aliaj

15 ministroj kaj ŝtataj sekretarioj de la Federacia Respubliko,
100 generaloj kaj admiraloj de la federacia armeo,
828 superaj justicoficistoj, prokuroroj kaj juĝistoj,
245 gvidantaj oficistoj de la eksterlanda ministerio de Bonn-aj ambasadejoj kaj konsulejoj,
297 superaj oficistoj de la polico kaj de la konstituci-protekto.

Ĉi tiu „brunlibro" enhavas ekskluzive la nomojn de tiuj personoj, kiuj per ilia gvida agado en la preparo kaj plenumo de la naziaj krimoj kaj agresaktoj fakte grave kulpiĝis kaj aŭ senpere partoprenis ĉe amasmurdoj, aŭ eldonis la koncernajn ordonojn, aŭ preparis ilin kiel intelektaj iniciatoroj.

Oni rezignis konscie pri tio, akcepti ankaŭ tiajn ne senriproĉajn personojn, kiel la okcidentgermanan registaroĉefon Ludwig Erhard aŭ la prezidanton de CSU*) Franz Josef Strauss, kvankam la unu kiel mastrum-eksperto kaj konsilanto de la nazia distriktestro Bürckel en la Saar-teritorio kaj la alia kiel NS-gvidoficiro aktive subtenis la Hitler-an reĝimon.

Fine ni devas atentigi pri tio, ke la registaro en Bonn la ĉi tie nomitajn nazikrimulojn ne pro ebla nekono, sed kontraŭe en plena kono de ilia pasinteco, ilin vokis en iliajn nunajn poziciojn. En la brunlibro estas per multaj ekzemploj ekzakte pruvite, depost kiom da jaroj la kulpigaj materialoj pri la koncernuloj estas konataj en Bonn.

La respondeculoj por la krimoj de l' faŝismo estas hodiaŭ la ĉefagitistoj de la revenĝopolitiko de Bonn.

La respondeculoj por la krimoj de l' faŝismo ellaboras kaj aplikas hodiaŭ la leĝojn por la escepta stato, kies celo estas pro la preparo de agreso eksteren, neniigi interne la demokratajn rajtojn.

La respondeculoj por la krimoj de l' faŝismo postulas hodiaŭ *la rajton kundecidi kaj apliki nukleajn armilojn*, por impliki aliajn potencojn en iliajn militaventurojn kontraŭ la GDR kaj la aliaj socialismaj landoj.

La respondeculoj por la krimoj de l' faŝismo estigas hodiaŭ en la Federacia Respubliko ondon de naciοnalismo kaj ŝovinismo, por fari la loĝantaron ema por tiuj planoj.

La brunlibro pruvas: Centoj da milit- kaj nazikrimuloj, kies partopreno en fiaj kaj sangaj krimoj estas konata kaj

*) CSU – nomo de la Kristana Socia Unio (partio)

dokumentare pruvita, ne estas respondecigitaj en la Federacia Respubliko. Centoj da milit- kaj nazikrimuloj okupas elstarajn poziciojn en la aparato kaj en la socia vivo de Okcidentgermanio. La estreco de tiuj fortoj en Bonn, kiuj ne ĉerpis instruojn el la pasinta tempo, estas danĝero por la paco de la mondo. Ĉi tiuj fortoj de l' neonaziismo kaj revenĝismo laboras hodiaŭ, subtenate de la amerika imperialismo, por la interesoj de malgranda grupo de gvidaj armilproduktantoj kaj militaristoj por ĵeti la mondon en nuklean militon.

La batalo por la justa punado de ĉiuj nazi- kaj militkrimuloj, por la forigo de la iam gvidantaj faŝistoj el superaj pozicioj de la okcidentgermana ŝtataparato estas tial nedisigebla parto de la batalo por paco kaj malstreĉiĝo. Kiu elkore ŝatas pacon kaj sekurecon, tiu postulas kune kun ĉiuj demokratiaj kaj kontraŭfaŝistaj fortoj de la tuta mondo:

Agnoskon de la internacijura principo de nepreskriptiĝo de la nazi- kaj militkrimoj per la registaro de Bonn!

Justan punon al ĉiuj naziaj kaj militaj krimuloj responde al la krimeco de ilia ago!

Forigon de la en la pasinteco kulpiĝintaj fortoj el la gvidpozicioj en politiko kaj ekonomio de la Federacia Respubliko!

Ĉesigon de la Bonn-a politiko de limŝanĝoj, de leĝfarado pro danĝero kaj de la preparado de atommilito!

Ankaŭ en Okcidentgermanio la liberigo el faŝismo kaj militarismo, kiu estis komencita la 8an de majo 1945, sed en okcidento intertempe estis nuligita, devas nun esti finfarita!

Berlin en julio 1965

*La „Braunbuch" (340-paĝa kun multaj fotokpiitaj dokumentoj) estas liverebla en germana, angla, franca kaj hispana lingvoj je la prezo de 6,60 markoj.*

*Eksterlandaj gazetarvoĉoj pri la „Braunbuch", (Brun-libro)*

„People's Voice" (amerika semajna gazeto) publikigis detalan artikolon kun la surskribo „La Bruna Libro citas la nomojn de 1800 naziaj krimuloj". La artikolo skurĝas la fakton, ke multaj nazi- kaj militkrimuloj, fidele servintaj al Hitler, estas komisiitaj de la federacia registaro je altaj oficoj en la kabineto, en la federacia armeo, en la ministerio de l' ekstero kaj en la servo de la justico. Interaliaj oni speciale atentigas pri Lübke. La gazeto anoncas daŭrigon de la artikolserio kaj atentigas pri la angla eldono de la „Braunbuch".

„Sun Reporter", Usono, skribas: „Ŝajnas, ke la nazioj ne estus malgajnintaj la lastan militon. La enhavo de la libro faras la impreson de preludo por la tria mondmilito, kiu certe pereigus ĉion kaj ĉiun. Hitler jam frue komencis semi malakordon inter la USA kaj la Sovetunio. Liaj klopodoj estas sukcese daŭrigataj de liaj heredantoj. La Unuiĝintaj Ŝtatoj jam preskaŭ emas, cedi al la premo de la Bonn-a registaro kaj transdoni al ĝi nukleajn eksplodilojn, kiuj tiam verŝajne estus uzataj kontraŭ la Sovetunio. Sed malantaŭ ĉi tio kaŝiĝas la necerta sento, ke la germanoj iutage povus direkti ĉi tiujn armilojn kontraŭ la Unuiĝintaj Ŝtatoj, ĉar lastfine ja estis ankaŭ la Usono, kiu dufoje neniigis la strebadon de la germanoj al mondregado. Estas rekomendinde al ĉiu en la USA, legi la Braunbuch, (la Brunan Libron).

En tutpaĝa artikolo skribas la gazeto „Evening News": „En ĉi tiu libro troviĝas indigniga listo de iamaj naziaj krimuloj, kiuj hodiaŭ plej grandparte havas postenojn ĉe la militistaro, ĉe la eksterlanda servo kaj kiel diplomataj senditoj de la germana neokolonialismo. Samtielgrave kiel koni la mondreton de la kolonialismo kaj atenti la ripetitajn avertojn, ke unueco kaj konstanta atentemo en la tuta Afriko estas esenca antaŭkondiĉo por la libereco, estas ankaŭ necese, atenti la avertojn en tiu „Brunlibro" rilate al la personoj, kiujn Okcidenta Germanio hodiaŭ uzas en la tuta mondo kiel siajn agentojn."

*Kronanwalt Pritt:* „La Brunlibro" memorigas nin pri tio, ke la veraj regantoj de Okcidentgermanio estas IG-Farben, Siemens, Krupp kaj la AEG. Estas entute la samaj organizaĵoj, kaj ili strebis al la samaj celoj kiel la regantoj de Grandgermanujo, kiuj . . . preparis la mondmilitojn. Nun ili komplotas pri tria mondmilito por la malnovaj celoj, pligrandigi sian riĉecon kaj potencon kaj plivastigi la teritorion de sia lando per la potenco de armiloj. Estas feliĉo por la mondo, ke triono de Germanio, la GDR (DDR), decide batalas por la paco, ke la socialisma mondo hodiaŭ estas pli potenca kaj ankaŭ la porpacaj fortoj en la kapitalismaj landoj ĉiam plifortiĝas."

*Hug Jenkins,* deputito de la „Labour"-partio en ADN-intervjuo: La „Brunlibro" krucas la daŭrajn klopodojn de la interesitaj rondoj, sekretigi aŭ ŝovi en forgeson la pasintecon de sangmakulitaj servistoj de la tria regno, kiuj nun ree akiris oficojn kaj rangojn. Tial tiaj publikigoj estas urĝe bezonataj, ili estas utilaj kaj meritplenaj."

La artikolo estis detale citita en la dana registara organo „Aktuelt" sub la surskribo „Mortigo ne malhelpo".

*Willi Frischauer,* publicisto de la Londona „Evening Standard" en ADN-intervjuo: „Kio estas entreprenata de iu ajn flanko, por senmaskigi naziojn, tutegale, kie ili troviĝas, havos mian aprobon kaj subtenon . . . Surbaze de miaj longjaraj spertoj mi . . . konstatis, ke la orientgermanaj esploroj pri la plua ekzistado de la faŝismo estas sen iu ajn dubo kaj absolute fidindaj.

*Daŭrigo de paĝo 12*

aliaj popoloj per interesaj ekspozicioj kaj kulturaj aranĝoj. Tiel estis farita 1965 en la GDR i. a. „Tagoj de la Svediaj Klasikuloj" kaj „Finlanda Semajno". La Germana Franca Societo montris ekspozicion de francaj grafikistoj kaj aranĝis amikecsemajnon en Leipzig kaj Dresden. La Germana Franca Societo en la GDR aranĝis paroladojn pri popolarto en Belgio. En Rostock (GDR) la Germana-Latinamerikana Societo aranĝis Semajnon de Germana-Latinamerikana Amikeco – kaj montris ekspozicion el Meksiko „La Homo kaj sia Mondo". Ekspoziciojn de infandesegnaĵoj el Afriko kaj fotoekspozicio el Irak kompletigis la programon. Specialan atenton trovis la ekspozicio pri la agreso de Usono de Vjetnamio, kiu helpis plialtigi la solidarecon de la loĝantaro en la GDR kun la batalanta vjetnama popolo. Kiel dum ĉiuj jaroj, la ligo kaj siaj amikecsocietoj aranĝis ekskursojn por eksterlandaj studentoj kaj faklaboristoj por doni al ili la eblecon, konatiĝi kun la GDR ankaŭ ekstere de iliaj studlokoj kaj konatiĝi kun la problemoj de la evoluo de socialista lando.

Gravan signifon pri la informada de la eksterlando posedas, la kultur- kaj informcentroj de la Societo por Kulturaj Rilatoj kun la Eksterlando en Prago, Varsovio, Budapeŝto kaj Sofio, la kulturcentro de la Germana – Norda Societo en Helsinki, la domo de la amikeco de la Germana-Afrikana Societo sur Sansibar kaj la kulturcentro de la Germana-Araba Societo en Kairo. Je la aranĝoj de la kultur- kaj informcentroj en la socialistaj landoj 1965 partoprenis 2,3 milionoj da personoj. La kulturcentro en Helsinki 1965 efektivigis 122 aranĝojn. La aranĝoj de la domo de amikeco sur Sansibar estis vizitataj de 80 000 personoj.

La komisionaj por internaciaj rilatoj de la ligo en la distriktaj ĉefurboj kaj en la plej gravaj subdistriktoj 1965 kontaktis kun ĉ. 10 000 eksterlandaj amikoj kiuj vizitis la GDR kaj deziris daŭrigi la kontaktojn. El tio kaŭzis ĉiama vigla korespondado inter civitanoj de la GDR kaj de la eksterlando.

Ankaŭ plue estas la deziro de la „Ligo por Popolamikeco en la GDR" konsekvence en la senco de la devizo de sia fondiĝkonferenco

„Amikeco de la popoloj savas la pacon".

Ĝi scias sin en konsento kun la esperantoamikoj de la Germana Kulturligo en la GDR, kiuj same servas al la interkompreniĝo de la popoloj kaj kiuj batalas por la konservo de la paco. La Ligo por Popolamikeco kaj siaj amikecsocietoj deziras kontakti kun la esperantistoj de ĉiuj landoj de la mondo por efiki komune al la konservo de la paco. *(Trad.: R. Hahlbohm)*

*La soveta pentristo kaj ruĝarmeano Sinovi Tolkaĉov estis inter la unuaj, kiuj malfermis la koncentrejan pordegon de Oświecim. Emociita de la bildo de la teruro, li kreis „enketon" de speciala maniero: sian akuzon, pentritan sur la paperoj de la murdistoj, sur la leterfolioj de la SS-anoj kaj de la konzerno IG-Farben.*

Pri la genezo de la skizoj skribis Savva Golovanivski

# DOKUMENTOJ EL LA HORO NULO

Kommandantur
Konzentrationslager Auschwitz
Az.

Auschwitz, O/S., den ............ 194
Telefon Nr. 65.

Tiuj desegnaĵoj preskaŭ ne bezonas klarigon. Per la tremanta mano de la artisto estas sur ĉiu el ili konservita sceno pri la pezaj suferoj, al kiuj dum la pasinta milito la faŝismo kondamnis milionojn da homoj en la sklavigitaj landoj kaj teritorioj. Tiuj bildoj, pentritaj sur oficfolioj de la ekzekutistoj, povus servi kiel pruvaĵoj por akuzakto, sed la doloro kaj la majstreco de la artisto donis al ili tian fortan naturecon, ke la figuroj pli egalas al vivaj atestantoj. La soldato de la sovetarmeo Sinovi Aleksandroviĉ Tolkaĉov surpaŝis polan teritorion kune kun la trupoj de la Unua Ukraina Fronto. Malantaŭ la antaŭen marŝantaj divizioj de la sovetarmeo jam troviĝis la liberigitaj teritorioj de Blankrusujo kaj Ukraino kun siaj sennombraj viktimoj kaj ruinoj de urboj kaj vilaĝoj.

Nelonge antaŭ tio la artisto travivis mallongan libertempon en Kiev. En la ĵus liberigita urbo ardis ankoraŭ la estingiĝantaj fajregoj; en la detruitaj konstruaĵoj oscedis ankoraŭ la fenestraj kavaĵoj; la stratoj, plenŝtopitaj per ruinaĵoj, rakontis mute pri la doloro, kiu regis ĉi tie dum du longaj jaroj. Sur Babi Jar suprenstaris ankoraŭ grandegaj staploj de homaj korpoj, kiujn la fuĝintaj murdistoj ne plu sukcesis forbruligi. Tiuj estis la lastaj de centmiloj da mortpafitaj Kiev-anoj, kies cindro jam miksiĝis kun la sablo ĉe la bordo de Dnepro, plensemitaj per infanŝuoj kaj ŝtalaj okulvitroj de maljunuloj. Mi rememoras la vizaĝojn de tiuj, kiuj tiam, je la tago de la liberigo de Kiev, la sesan de novembro 1943, preskaŭ antaŭ kvaronjarcento,



staris apud mi. Aleksandr Dovjenko, Mikola Baĵan, Sinovi Tolkaĉov... Ni ĉiuj konsciis, ke la teritorio, trans kiun furiozis la faŝisma pesto, estos ekde nun kovrata per sennombraj sanktaj tomboj, sed la kieva Babi Jar estis por ni la unua, kio igis nin konjekti la vastecon de tiuj nekredeblaj krimoj.

Je tiu tago ni disiris, la milito daŭris, kaj ĉiu el ni havis siajn personajn devojn. Tolkaĉov reveturis al la fronto, en la soldata dorsosako li kunhavis siajn malgrandajn notkajerojn kun la tragikaj desegnaĵoj.

Li estis ankaŭ inter la unuaj artistoj, kiuj surpaŝis la teritorion de la koncentrejo en Oświecim, tuj post kiam la sovetaj soldatoj rompis la pordegon de la teruro. Oni povas facile imagi, ke ĉiuj, kiuj venis la unuan fojon ĉi tien, rigidiĝis pro hororo. Sed artisto ne rajtas tremi vidalvide kun la realeco, kiel ajn kruela ĝi estu. Kaj Tolkaĉov ekprenis la krajonon – laŭ kutimo, sed ankaŭ konscia de sia civitana devo.

Sed li ne kunhavis paperon. Tial li iris en la iaman komandejon de la koncentrejo. Tie kuŝis ĉiuloke en malordo oficfolioj de la hitleraj oficejoj, postlasitaj de la eksalte-senhalte fuĝintaj karcergardistoj; sur tiujn ĉi leterfoliojn Sinovi Tolkaĉov do komencis desegni.

Li ne tuj rimarkis, kiaj leterfolioj tio estis. Nur pli poste oni malkovris, ke ili devenis ne nur de la koncentreja komandejo en Oświecim, sed ankaŭ de la konsumintoj de la „produktadrestaĵoj" el la koncentrejo, nome de la malbonfama germana konzerno IG-Farbenindustrie. En la unua momento la artisto ne pripensis, kian emocian dokumentan atestpotencon donis la letersurskriboj al liaj desegnaĵoj. Sed pli poste, post la finigo de la verko, konsistanta el kvindek folioj, klariĝis ankaŭ ĝia surpriza pruvforto, kiun kaŭzis ĝuste la oficialaj presaĵoj kun la neenskribitaj en- kaj elirnumeroj.

La desegnaĵoj, kiujn la artisto verkis sekvante la spurojn de ankoraŭ freŝaj agoj, estis nenio pli ol nur rapide faritaj skizoj, per kiuj li konservis la terurajn krimojn de la hitleraj barbaroj. Estis necese, trankvile esplori ilian sencon kaj doni al ili definitivan formon. La politika administrantaro de la fronto ebligis tion al la artisto.

Tiel realiĝis la ekspozicio de bildoj de la pentristo Sinovi Tolkaĉov, kiun oni sinsekve prezentis en Lublin, Rzeszów, Kraków, Katowice kaj Lódź, pli poste ankaŭ en Varsovio kaj Vieno. Ĝia impreso estis teruriga por la homoj, kiuj nur antaŭ mallonge estis liberigitaj el la




faŝista okupacio. „Se vi ne vidis Himmler-on, rigardu la bildojn de la artisto Tolkaĉov, kaj vi komprenos la krimojn de Himmler", skribis la pola gazeto „Tygodnik powszechny" en marto 1945. „La ekspozicio de la verkoj de Sinovi Tolkaĉov montras laŭ nia opinio novan vojon al la pola arto", emfazis samtempe la ĵurnalo „Odrodzenie".

Sinovi Tolkaĉov pruvis per tiu ĉi ekspozicio sian maturan majstrecon. Kiel unu el la unuaj kievaj komsomolanoj li aliĝis jam en la jaro 1922 al la Bolŝevista Partio kaj estis amiko kaj kunbatalanto de la herooj en la tragedio ĉe Tripolje, je kies memoro leviĝas kodiau grandega obelisko super la Dnepro. Liaj freskoj ornamis la murojn de la komsomolaj klubejoj en la kievaj urbopartoj Podol kaj Ĵuljani, kie kunvenis la laborista junularo. Ankaŭ la kovriloj por la unuaj poemaroj de Miĥail Svetlov kaj Miĥail Golodni estas kreaĵoj de lia mano.

La artista majstreco de Tolkaĉov kreskis kun la nombro de liaj bildoj. Bonegaj scioj pri la grandaj freskpentristoj de la itala renesanco ligiĝis ĉe li kun la civitana patoso de la moderna soveta homo, lia pentrotekniko iĝis ĉiam pli memstara kaj majstreca; kiel pentristo de portretoj li evoluigis ĉiam pli forte la kapablecon, malkaŝi la karakteron kaj la internan vivon de la pentritaj personoj. Antaŭ la milito li partoprenis ne nur la plej multajn ekspoziciojn en Sovetunio, sed li montris siajn bildojn






ankaŭ en London kaj Philadelphia, en Venecia kaj Amsterdam.

Mi rememoras lian ekspozicion antaŭ la milito en Kiev. Ĝi estis decicita ekskluzive al Ŝolem Alejĥem. Tio ne estis ilustraĵoj por libroj, sed sendependaj bildoj pri temoj de la granda verkisto. La delikatan, emocian kaj evidentan humuron de la figuroj en la noveloj de la „juda Mark Twain" redonis Tolkaĉov samvalore per linioj kaj koloroj. La profundeco kaj la arta esprimintenso, per kiuj li enpenetris en la karakterojn kaj sortojn de la pentritaj homoj, estis admirindaj.

Sed specialan lokon en la kreado de la artisto okupis la lasta milito, la suferoj kaj turmentoj de la homoj kaj iliaj tragikaj sortoj. Li kreis multajn terurajn scenojn, sed eĉ ne unu de liaj bildoj postlasas la impreson de senperspektiveco kaj malespero, ĉar lia kunsento kun la viktimoj ligiĝas en ĉiu desegnaĵo kun nepacigebla malamo kontraŭ la faŝistaj murduloj. Tolkaĉov ne estas nur humanisto, kiu amas la homojn kaj deziras al ili bonon, li estas ankaŭ soldato, kiu trafas la malamikon mortige kaj batalas por la bono de la homo.

De post la faŝisma inkubo, kiu premis la mondon, pasis pli ol du jardekoj. Sed kiu kredas, ke oni povas ĵeti en forgeson la verkojn, skurĝantajn la faŝismon, nur ĉar la faŝismo mem apartenas al la pasinteco, ege eraras. La respondeco de la hodiaŭa homaro konsistas ĝuste en tio, ke ĝi, kiel atestinto de la ekesto de la faŝismo kaj poste ankaŭ de ties pereo en 1945, devas malhelpi la minacantan renaskiĝon de la bruna pesto en niaj tagoj. Tial la arto, kiu memorigas la estinton kaj samtempe estas admono por la estonteco, havas hodiaŭ tian grandan signifon.

Tolkaĉov okupas en tiu ĉi arto gravan lokon, kaj la homoj danku al li pro tio.

Klarigoj:

*Babi Jar* – kruta deklivo proksime de Kiev, kie okazis amasaj murdoj je judoj dum la faŝista okupacio

*tragedio de Tripolje* – kontraŭrevoluciuloj pereigis en 1919 ĉe la vilaĝo Tripolje trupon de heroe batalintaj komsomolanoj

*Trad. el la germana gazeto „Sonntag"*
*Tradukis: Berndt*

BERNT VON KÜGELGEN

# HEJME EN BERLIN

*Biografia bilanco*



Foto: L. Ortner

Dekses jarojn havas la Germana Demokratia Respubliko. Depost proksimume dekses jaroj mi loĝas en kampodomo ĉe Berlin. Mi observas la floradon de la fruktarboj kaj florperenoj en la ĝardeno, vidas la grandiĝon de miaj infanoj kaj de la infanoj de la najbaroj kaj konas ĉiun vojon kaj angulon de la malgranda antaŭurbo. Depost dekses jaroj staras miaj kofroj elpakitaj. Ie en la kelo ili malnoviĝas inter kestoj kaj superfluaj libroj kaj estas jam duonforgesitaj. Mi havas mian hejmon.

Dum mia infantempo mi ne havis hejmon. Mia patro nomis la meblitajn loĝejojn, en kiuj ni vivis, ĉiam nur „nian provizoran restejon". Germanion, en tia stato kiun ĝi havis inter la unua kaj dua mondmilito, li sentis kiel ekzilon kaj sia hejmo vivis nur en la memoro, en la sopiro al io nereatingebla, en pensoj pri la iama cara St. Petersburg-o, pri la germana gazeto, kiun li tie eldonis ĝis la eksplodo de la unua mondmilito. 1918, fuĝante pro la revolucio, ni devis postlasi tiun hejmon. Komenciĝis la tempo de koferpakado. Komenciĝis la jaroj de emigranto, de la peliĝo de lando al lando, la migrado de urbo al urbo.

La stacioj nomiĝis Pskow, Tartu kaj Tallin en Estonio, Helsinki en Finnlando, duona dekduo da loĝejoj en Berlin. Kiam mi fariĝis pli aĝa, la Hitler-a faŝismo pelis min en la soldatajn kazernojn kampadejojn kaj militirojn, en militon kaj militkaptitecon. Ankaŭ la reveno post la liberiĝo el la faŝismo estis unue ankoraŭ serĉado de vera hejmo. Depost dekses jaroj mi trovis ĝin. La Germana Demokratia Respubliko estas fakto. Pasis la tempo de forpeliĝo, de la el- kaj en- kaj transloĝiĝo. Mi havas mian hejmon!

Ankaŭ multaj el miaj amikoj havis la saman sorton. Iliaj vivovojoj estas de diverseco, tiel granda, ke oni povus opinii ke komuna kruciĝpunkto neniam povus troviĝi sur niaj vojoj.

Kaj tamen ekzistis tiu kruciĝpunkto. De kie devenis miaj amikoj? Kiuj ili estas? Kial ili fariĝis civitanoj de l' Germana Demokratia Respubliko?

Jen maljuna generalo el la unua mondmilito, estinta oficiro de l'imperiestro, aliĝinta dum la Weimar-a Respubliko pro erare komprenita patriotismo al diversaj militemaj organizaĵoj, kiu sub Hitler ree rapidis al la standardoj, komandis divizon ĉe la Volgo, travivis tie la katastrofon de la armeo kaj ne nur tion: Sur la neĝkovritaj kompoj li ankaŭ enterigis la ideojn kaj konceptojn, kiujn li havis komence de la milito. Tie li donis al si kaj al la mortintoj de sia divizio respondon, tie li faris strekon tra sia pasinteco, strekon, kiu estis definitiva. Hodiaŭ li laboras en la distrikto Potsdam kiel prezidanto de la Nacia Fronto de la demokratia Germanio, estas honorata persono, kies ekzemplo iĝis politika modela por multaj.

Jen la ŝulaboristo el Frankfurt ĉe Majno, junkomunisto en la jaroj antaŭ ol Hitler ekprenis la potencon. Li faris kontraŭleĝan laboron, kaŝis persekutitojn kaj helpis al ilia fuĝo. La „gestapo" (sekreta ŝtata polico) kaptis la deksepjarulon, turmentis kaj eldemandis lin, metis lin en pundomon, transportis lin al la koncentrejo Sachsenhaŭsen (Zaksenhaŭzen) kaj „amnestiis lin grandanime", kiam la milito postulis hommaterialon. Oni donis al la arestito soldatan uniformon kaj sendis lin kun pruvbataliono al la orienta fronto. Tri tagojn pli poste li estis transe sur la alia flanko. Ree post tri tagoj li staris denove en la batalo ĉe tiu fronto, al kiu li jam ĉiam interne apartenis, ĉe la fronto de l' batalo kontraŭ la faŝismo, por Germanio de l'libereco kaj demokratio. Hodiaŭ li estas redaktoro en Halle.

Jen la lerneja knabo, kiu kiel dekkvinjarulo antaŭ la bataloj ĉirkaŭ Berlin estis entrupigita en la „Volkssturm", la lasta militista rezervo de Hitler. Oni instruis al li haste, kiel pafi kaj ĵeti sin teren. Oni enmanigis al li bazukon*) kaj sendis lin en rifuĝtruon, por ke li venku la ruĝan armeon. Ĉi tie li faris la unuan memstaran decidon de sia vivo. Li kaŝis sin en laŭbon, forĵetis la grizajn ĉifonojn kaj estiĝis ree knabo en mallongaj pantalonoj. Sovetaj soldatoj sendis lin kun patreca prizorgo rapide hejmen al liaj gepatroj. En la somero 1945 li komencis kiel knabo por komisioj en Berlin-a gazetredaktejo. Hodiaŭ li estas ĉefredaktoro de tiu gazeto.

Jen la juna virino, fianĉino kaj vidvino

*) bazuko (germ. Panzerfaust) kanoneto kontraŭ tankoj

# HEJME EN BERLIN

de militisto, kiu tri tagojn antaŭ okupo de la urbo Nordhaŭsen per aliancitaj trupoj sin liberigis el rubfermita kelo de la gepatra domo. La bombo estis precize trafinta ĝin. La subnivela volbaĵo estis plena de kadavroj, angoro kaj rubaĵoj. Ŝi rampis al la taglumo, antaŭ minutoj ankoraŭ filino kaj heredontino de bonreputita komercisto, nun konfuzita estaĵo, kovrita per gratvundoj kaj ŝvelaĵoj. Se la faŝistoj alportis al ni maljustaĵojn kaj malfeliĉon, ŝi diris al si en sia sentplena logiko, tiam justo kaj feliĉo venos de la antifaŝistoj. Ŝi serĉis kontakton al ili, Komencis en la unuaj postmilitaj jaroj verki mallongajn artikolojn kaj urbraportojn. Oni ekatentis pri ŝi kaj vokis ŝin al la „Nordhäuser Zeitung", kaj poste al Berlin . . . Hodiaŭ ŝi estas mia edzino. Multe da tiaj vivovojoj kondukis al la GDR-o. Ĉi tie ekzistas multaj tiaspecaj homoj. Ĉi tie ili definitive elpakis siajn kofrojn. Kial? Kion komunan ili havis? Kaj en kio konsistas la granda komuneco, kiu instigis la homojn de tiel malsama deveno, preni la saman decidon? Komuna estas al ili – ili estas milionoj kaj mi estas unu el ili – ke iam en ilia vivo estis tago de decido, en kiu ili komencis duan vivon. En tiu tago ili turnis sin for de tiuj fortoj, kiuj altrudis al la hejmlando kaj al la mondo du mondmilitojn, kaj ili serĉis kaj trovis novan forton, kiu al tiaj malamikoj de la homaro neniam plu permesos plani, regadi kaj komandadi.

Kio okazis en tiuj homoj memorigas al la konscioprocedo, kiun travivis jardekojn antaŭe la germana romanverkisto Thomas Mann. En 1923, plisaĝiĝinta per la instruoj de la unua mondmilito, li ekkonis por si la demokration kaj proklamis en parolado ĝian nedisigeblan unuecon kun la ideoj de l'humanismo. Li nomis ĝin „la efektivigadon de germana beleco" kaj demandis, ĉu „la nova humaneco . . . sur ĝia fundo, sur la fundo de la respubliko, ne trovos pli feliĉigajn eblojn de ekvivigo kiel sur la bazo de la malnova ŝtato . . ." Jam ses jarojn pli poste, sub la impreso de la ekmarŝantaj brunaj hordoj, li plueniris en siaj eldiroj. Ne forlasante sian fundamentan starpunkton kiel burĝa pensulo, li ekkonis, ke „la vivo kun ĉiuj siaj enhavoj je nuntempo kaj estonto estas sen iu ajn dubo sur la flanko de l' socialismo."

La vivo montris la veron de liaj vortoj. Se oni perceptas la revojn de nia junula tempo, la deziron je feliĉo kaj paco kaj justeco kiel sinonimo de beleco de socio, tiam tio veriĝas en nia respubliko.

Beleco – tio estas paco. Ĉiu deklaro de nia registaro estas ligata kun la ideo de la malarmado. Ĝi deklaris sin por la Rapacki-plano. Ĝi ellaboris jam antaŭ jaroj ekzaktan programon pri rezigno je nukleaj armiloj en ambaŭ germanaj ŝtatoj kaj pri komuna limigo de l'armado. Nia registaro proponis tion ĉiam denove. Nia ŝtato apartenas al la plej unuaj, kiuj aliĝis al la Moskva konvencio pri haltigo de atomtestoj.

Nia ŝtata beleco – tio estas politika pureco. En la Germana Demokratia Respubliko ekzistas neniu Oberländer, Globke, Trettner, Speidel, Seebohm nek Zech-Nenntwich, neniuj ŝmiremuloj de hokokrucoj, kantaĉantaj tradiciunuiĝc de SS*) kaj ne tumultemaj organizoj de revenĝistoj kiuj pretendas teritoriojn de fremdaj ŝtatoj kun plejaltloka subteno. Tiu ŝtato estas libera de tiaj politikaj monstraĵoj kaj skandaloj. Kiu en nia ŝtato ricevas potencon, tiu devas esti pruvinta ke li pensas antifaŝiste kaj demokrate. Nia ŝtato estas pura.

Beleco – tio estas riĉa kultura vivo. En la GDR estas elspezataj pokape de la loĝantaro jare pli multe ol 55 MDN por lerejoj, pli multe ol 68 MDN por altlernejo kaj sciencaj institutoj, 15 M por muziko kaj teatro, pli ol 200 M por sanprotektado preskaŭ 40 M por junulara prizorgo kaj sporto. En tia ŝtato la kultura vivo havas liberan vojon. Tie povas kreski arto, kiu „ne estas lukso kaj delikataĵo por frandemuloj", kiel tion diris la poeto Johannes R. Becher. Arto ĉi tie estas la loko de la renaskiĝo de nova kaj granda humanisma kulturo.

Beleco – tio estas la strebado al reunuiĝo de Germanio. La registaro de la GDR alvokis entute pli ol centkvindek fojojn al interkonsento kaj pliproksimiĝo de la du germanaj ŝtatoj. La germanaj registaroj kaj ŝtatoj lernu, paceme kunvivi inter si, admonis la prezidanto de la ŝtata Konsilantaro Walter Ulbricht en letero al la federacia kanceliero Erhard. Ili lernu „aferece kaj prudente interparoli kaj intertrakti kaj taksi la grandajn naciajn vidpunktojn de la sekurigo de l' paco por nia popolo, de la paca kunlaboro kaj la laŭpaŝa venko de la fenditeco pli alte ol prestiĝajn vidpunktojn kaj partipolitikajn kaj personajn kontraŭecojn."

Tio estas la lingvo de trankvileco kaj pripensemo, de kompreniĝemo anstataŭ malamikeco, de la paco en la koro de Eŭropo. Kie estas parolataj tiaj vortoj, tie la bonfunditaj interesoj de nia popolo kaj la interesoj de ĉiuj popoloj estas bone gardataj.

La granda komuno – tio estas la beleco de nia respubliko, ĝi ne estas „malnova ŝtato" en la senco de Thomas Mann. Ĝi estas ŝtato de humaneco, kies ideoj kaj celoj estas identaj kun la ideoj kaj celoj de ĉiu honesta kaj pacama germano. Tial la larĝa skalo de la deveno kaj de la sortoj, kiuj sin unuigis en la ŝtataneco de la GDR. Tial la granda diversecoj de personoj de la kristano ĝis la marksisto – kiuj vidas en la GDR la konservanton de la plej bonaj germanaj tradicioj kaj la vojpreparanton de certigita kaj paca estonta tempo.

Kiam la unua mondmilito eksplodis, mi naskiĝis. Kiam komenciĝis la dua mondmilito, mi estis kvaron-centjara. Nun mi staras ĉe la sojlo de l' maljuniĝo, ĉe tiu punkto de la vivo, kie la procedo de la spirita maturiĝo trovas sian finon kaj la kvindekjarulo scias taksi, de kie li venis, kie li staras kaj kien li iros. La dekses jaroj en la Germana Demokratia Respubliko instruis min, miajn amikojn kaj konatulojn: Pluen sur tiu vojo!

*Trad.: W. v. Waldowski*

*) SS = (germ. Sturmstaffel) speciale fanatika organizo de Hitler

# LA POTENCO DE LA FAKTOJ

*Interparoladoj kun nordamerikaj pedagogoj, kiuj vizitis la GDR*

*Kunlaboranto de la „Germana gazeto por instruistoj" akompanis dum kelkaj tagoj grupon da 130-US-amerikaj kaj kanadaj instruistoj, kiuj vizitis la Germanan Demokratian Respublikon. Tiu studgrupo estis estrata de la kvestoro de la „Comparative Education Society" (societo por kompara eduko) kaj de la prezidanto de la akademia societo „Kappa Delta Pi", profesoro Gerald H. Read (universitato Kent/Ohio). Al ĝi apartenis 67 superintendantoj 20 lernejaj inspektoroj, 9 universitataj profesoroj, 1 dekano, 2 prezidantoj de universitatoj aŭ kolegioj (Colléges) kiel ankaŭ instruistoj, aŭtoroj de lernolibroj kaj ĵurnalistoj.*

Demandite kiajn impresojn ili akiris pri la GDR, kompare kun la konceptoj, kun kiuj ili estis venintaj, 8 senelekte alparolitaj vizitantoj respondis tiamiere:

„Ĉio estas pli ĝojiga ol ni atendis."

„Vi vere zorgas pri viaj infanoj, tio estas mia plej forta impreso. Kaj ankaŭ la senĝena rilato de la infanoj al iliaj instruistoj, kion ni povis observi en la lernejoj."

„Bone, ekzistis kelkaj malĝustaj informoj".

„Ĉio estas tute normala, la homoj faras kontentan kaj afablan impreson. Mi atendis iel, ke ĉi-tie marŝus ĉiam kolonoj kun maŝinpistoloj tra la stratoj."

„Ekzistas malmulte da aŭtomobiloj. Sed alie la vivnivelo ŝajnas esti bona, kaj viaj lernejoj estas unuarangaj." Sciu, ke mi batalis en la armeo kontraŭ la nazioj. Depost tiam mi estis dufoje en Germanio, unue en Okcidentgermanio kaj nun ĉi tie. Estas strange: kvankam mi ne simpatias kun la komunismo, ofte mi sentas min ĉi tie kiel inter samcelanoj.

Mi diros al vi, kial: ĉi tie vi reguligis la konton kun la nazioj, en Okcidentgermanio oni eĉ ne parolas pri tio."

„La libereco. Ke ekzistas tiom da libereco, mi ne atendis."

„Tre impresis min, ke oni povas diskuti kun la komunistoj tiel objektive pri opinidiferencoj."

Tio okazis tre abunde: diskuti pri opinidiferencoj.

Iu diris: „Ni en Ameriko timas la militon." La kaŭzon de sia timo li vidis en la „komunista minaco". Sed tia minaco ja ne ekzistas, kontraŭis iu el ni.

„Oni devas eliri de la „faktoj" respondis nia kunkonversacianto post tio same decide kiel enigme.

La „fakto" de kiu li eliris, estis la „mondrevolucio" aŭ pli precize tio, kion la antikomunista propagando imputis al tiu nocio: la disvastigado de la „rusa komunismo" per fajro kaj glavo tra la tuta mondo. Tion jam estus dirintaj Lenin kaj Marx. Kaj ĝuste pro tio Rusujo estus agresiva.

Ni demandis pri aliaj aferoj: ĉu li eble aŭdis, ke la Sovetunio ĵetas bombojn sur Meksikon kaj eble alterigis trupojn tie por alporti tien la „mondrevolucion" kaj altrudi sian propan sociosistemon al tiu lando? Nu, tio vere estus senekzempla pretendo li opiniis, estus ja vera agreso, ĉar kian rajton la Sovetunio havus por esti en Meksiko. Nu bone, ni koncedis, tio eĉ ne povas esti hipotezo. Fakto kontraŭe estas, ke US-trupoj ĵetas bombojn en Vjetnamio kaj mortigas senkulpajn homojn. Do, ĉu tio estas io alia, ol agreso – tute ne konsiderante Gvatemalon, la Kuban Porkgolfon kaj Santo Domingon? Sed la komunistoj ja ankaŭ estas aktivaj en Latinameriko, oni respondis al ni. Kiaj komunistoj? Ĉu rusaj? – Aŭ venezuelaj kaj kolombiaj? Ĉu eble per rusaj napalmbomboj kaj rusa mararmea infanterio – aŭ per hispanaj vortoj kaj altenlevitaj indiĝenpugnoj?

Kiaj do estas la faktoj – en Latinameriko kaj Vjetnamio? Sekvis tre vigla diskuto, ne nur inter la gastoj

*Daŭrigo sur paĝo 23*

# D-ro P. W. Ruff

# Medicino kaj Socio

La sociaj cirkonstancoj profunde influas la sanitarajn aferojn en ĉiu lando. Socialismo ebligas la realigadon de ĉio, pri kio en malpli maturaj sociaj evolustatoj la higienisto nur kuraĝis revi. En la Germana Demokratia Respubliko, kiu konstruas socialismon, ni travivas ankaŭ en medicino kaj sanaferoj tiun grandan, kvazaŭ revolucian ŝanĝon. Ni homoj vivantaj en la epoko de la transformigo verŝajne povas plej bone kompari la novon kun la malnovo, pli bone ol tion povos la estontaj homoj. Tamen ni estas certaj, ke estonte okazos plibonigoj, kiujn ni eĉ ne imagas. Sed la direkton ni scias: fari kuracadon pli kaj pli nenecesa, ekstermi ĉiujn forigeblajn malsanojn, redukti kiel eble plej la neeviteblajn kaj malfruigi tiujn finajn antaŭsenditojn de fiziologa morto. Profilaktiko (malsanevitado) estas ja malnova postulo de la medicino – sed realigado de vere universala profilaktiko, kiu ampleksas ĉiujn viv – kaj laborkondiĉojn de la tuta popolo sen escepto eblas nur en socialismo.

Plej videblaj jam nun estas en la GDR la medicinaj sukcesoj ĉe la infektaj malsanoj. La terura poliomjelito (infanparalizo) estas tutvenkita, tuberkulozo daŭre malprogresas, eksterpulmaj formoj de tuberkulozo ege maloftiĝis. Intensiĝis la batalo kontraŭ diabeto, reŭmatismo, kancero kaj hipertonio (tro alta sangopremo). Ĉie ekzistas konsultejoj, kiuj speciale registras kaj prizorgas la malsanulojn suferantajn je tiuj popolaj malsanoj.

Plej grandan parton de la tago la homoj pasas en la laborejo. Laŭnature tie minacas akutaj kaj kronikaj danĝeroj, kiujn forigas aŭ minimume malgrandigas modela laborprotekta leĝaro. Labormedicinistoj, inĝenierpsikologoj, sanitarinĝenieroj kaj higieninspektistoj laboras komune en la uzinoj analizante la laborkondiĉojn, laborejan klimaton ktp. por eltrovi kaj profilaktike eviti malsanigajn influojn, nenecesajn korpajn kaj psikajn streĉojn kaj endanĝerigojn. La laboristoj mem kunhelpas en la klopodo pri pli efikaj, pli ekonomiaj kaj pli higienaj labormetodoj.

Same grava kiel la sanprotekto en la industrio kaj en la urboj ĝi estas en agrarregionoj. Pli grava eĉ, se oni pripensas, ke en pasintaj tempoj la kamparo ofte civilize postrestis kompare al la urbo, kaj se oni pripensas, ke la tieaj higienaj kondiĉoj influas la higienon de la nutraĵoj.

La protekto de la laboranta virino, de patrino kaj infano estas centra tasko en nia sanpolitiko. Laŭ ofteco de morto patrina aŭ infana, GDR estas inter la plej progresintaj ŝtatoj de la mondo (nŭr 0,077 % de la ĵusnaskintinoj, 3,1 % de la suĉinfanoj mortas). Ĉirkaŭ la nasko, la virino estas libera de profesia laboro dum 14 semajnoj, ĉe komplikitaj aŭ ĝemelaj naskoj dum 16 semajnoj. Dum tiu ĉi tempo la plena salajro estas pagata. Krome la ŝtato pagas al la naskintino 500 ĝis 1000 markojn grade laŭ la nombro de la naskoj. La plena sumo nur estas pagata, se la gravedulino regule konsultas kuraciston kaj se la novnaskito en la unua trionjaro estas monate prezentata en por patrina konsultejo. Ĉiuj patrinoj mamnutrantaj ricevas pomonate 10 markojn kaj potage dufoje 45 minutojn kiel pagatan paŭzon por nutrado. 19 ripozhejmoj porpatrinaj kun 793 litoj estas je daŭra dispono. Ĉirkaŭ 150 000 infanoj estas vartataj en tuttagaj aŭ tutsemajnaj vartejoj. La kotizoj por tiu estas tre malaltaj.

En la medicinaj institucioj laboras 235 000 virinoj kiel flegistinoj, teknikaj asistentinoj, gimnastikistinoj, kuracistinoj, apotekistinoj kaj administrantinoj. Tamen pro la ĉiam kreskantaj taskoj kaj la instalado de novaj establajoj, pli granda nombro de boninstruitaj flegistinoj estas bezonata.



*En la medicina lernejo „Dorothea Christiane Erxleben" en Quedlinburg estas instruataj 100 lernantinoj el Aziaj kaj Afrikaj ŝtatoj. La bildo montras Mariama Barry el Gvineo apud la lito de ĵusoperaciito.*

Foto: Herbert Hensky

*Dum preskaŭ ses semajnoj krozis la 10 300 tuna pasaĝerŝipo „Völkerfreundschaft" (Interpopola Amikeco) kun 450 haŭt- kaj astmomalsanuloj kaj 62 medicinistoj sub gvido de prof. d-ro Linser, vintre tra sudaj maroj. La kostojn (1,5 milionojn da markoj) pagis la ŝtato. La kuracsukcesoj estis bonegaj.*

Foto: Zentralbild

La zorgo pri la laborveteranoj estas honora devo por nia socio. Post la 65a vivjaro (virinoj jam post la 60a) ĉiu maljunulo ricevas pomonate bazan renton. La alteco de la rento estas gradiita laŭ laborjaroj. 57 000 maljunuloj vivas en 908 hejmoj. Prijuĝante tion oni pripensu, ke nur 57 % de la civitanoj estas en laborkapabla aĝo. Tamen ankaŭ la aliaj pagoj de la sociala asekuro estas altaj: ĉiu malsanulo ricevas dum 6 semajnoj, 90 pocentojn de sia salajro; kaj dum pluaj 20 semajnoj, 50 pocentojn de la salajro. Ĉe certaj malsanoj aŭ familiaj kondiĉoj tiuj pagoj estas pli altaj aŭ pli longedaŭraj.

Sen scienca esploro la medicino necese stagnus, fariĝus nura praktikismo kaj rutinismo. Hodiaŭ esploras ne nur universitataj klinikoj kaj sciencaj institutoj de fakultatoj kaj akademioj, sed la unueco de teorio kaj praktiko pli kaj pli realiĝas en multe da unuopaj malsanulejoj, poliklinikoj, ambulancoj kaj ŝtataj praktikejoj en urboj kaj vilaĝoj, kiuj ne nur aplikas la plej novajn metodojn, ne nur agas laŭ plej novaj ekkonoj, sed mem riĉigas nian scion pri diagnozo, terapio kaj socia medicino. Tuta esplorado estas planata kaj akordata respublikskale, la fortoj estas koncentrataj por solvi taskojn de centra signifo.

Kondiĉo de nova medicino estas nova medicinstudo. Jam de post pluraj jaroj la medicinaj fakultatoj de la universitatoj kaj la medicinaj akademioj planas kaj praktikas studreformon, kiu ne nur iom flikas, sed estas revolucia en instruado kaj edukado. Kuracisto en nova, socia medicino bezonas pli da sociscienca j konoj ol oni instruis laŭ la tradicia studordo. Sed aliflanke la ĉiam kreskanta naturscienca fundigo de la klinikaj fakoj postulas fundamentan, modernan studon de fiziko, hemio, biologio, fiziologio kaj – matematiko. Ni devas pripensi, ke hodiaŭ studas jam la kuracistoj de la jaro 2000. Pli faciliĝos tia intensigo pro la malgrandiĝonta nombro de studentoj post la nuna kulmino, kiu atingis en 1963 kun 14 690 pli ol la duoblon de la jaro 1953. Baldaŭ la planita nombro de kuracistoj estos atingita. Jam nun inter mil loĝantoj estas unu kuracisto (en 1939 nur estis unu kuracisto po 1553 loĝantoj). La celo estas unu kuracisto po 700 civitanoj.

Studado ne finiĝas post la ŝtata ekzameno. Estonte ĉiu medicinstudinto iĝos fakkuracisto; ankaŭ „praktika kuracisto" estas unu el la novaj disciplinoj postulanta programitan postgradan studadon. Daŭra ampleksigo kaj modernigo de scio kaj kono por ĉiu kuracisto estas tasko de la „Germana Akademio por kuracista pluklerigo." Klara estas la celo kaj klara la vojo por la medicino en nia socio. Granda estas ankoraŭ la laboro ĝis ĉio estos transformita kaj novstrukturita, ĝis la novo tute anstataŭos la malnovon. Sed ni majstros tiun laboron, sciante ke ĝi estos por bono kaj beno de la homoj.

---



*Daŭrigo de paĝo 21*

unuflanke kaj la gastigantoj aliflanke, sed ankaŭ inter la gastoj mem. Komenciĝis diskuto pri Vjetnamio. Ankaŭ inter la homoj el Minnesota, Wisconsin kaj Iowa la opinioj diferencis, parte tre diferencis. Kelkaj silentis absolute. Pri Vjetnamio la oponioj disiĝis.

Kiam ni foriris, la teoriulo de la mondrevolucio frapis min sur la ŝultron. „Mi estis iomete malmilda antaŭe", li diris. Sed tian impreson mi ne havis. Li fumtiris el la pipo kaj daŭrigis: „En Usono mi estas rigardata kiel maldekstra liberalulo." Paŭzo. „Mi ne kredas ke la vera danĝero por la Unuiĝintaj Ŝtatoj estas la komunismo, sed la faŝismo. Per la antikomunismo la politiko estas puŝata pli kaj pli dekstren." Li forprenis la pipon el la buŝo, levis la tenilon por fari mansvingan geston kaj foriris.

Estis miksita societo. Oni rimarkis certajn subpremitajn resentimentojn, kelkfoje eble ankaŭ pli multe, ol tio, sed estis surpriza kaj kuraĝiga la granda simpatio – simpatio, kiu politike ne ĉiam klare estis lokalizebla: simpatio por la studentoj de Berkely kaj New York, kiuj postulis la finon de la usona agreso en Vjetnamio kaj eĉ donacis sangon por la „Vjetcongoj" kiel ili diris, sed simpatio ankaŭ por ni, por le rekonstruo de Dresdeno, por la novaj vojoj, kiujn ni iras en la edukado, por la decideco, per kiu ni pledas por la konservado de la paco. Tio ofte estas miksita kun la plej strangaj kaj kelkfoje malĝustaj politikaj imagoj, kies originon oni facile povas diveni. Lerneja inspektoro, kies hejmo estas proksime de Palm Beach, Florida, fiere rakontis al mi, ke li povas elekti inter 7 televidprogramoj, kaj ke kelkaj kompanioj dissendas 24 horojn ĉiutage. Ĉiam post 15 minutoj oni enŝovas reklamon. Mi rememoris eldiron de opinifaranto en la New-Yorka Madison Avenue (kie troviĝas la grandaj reklamagentejoj): „Ni vendas politikon samkiel dentpaston."

Kompreneble okazis multaj seriozaj kaj utilaj pedagogiaj diskutoj. Treege interesa por ni estis ankaŭ tio, kion profesoro Read en la Dresdena klubo de la inteligentularo diris pri problemoj, kiujn prezentas la aŭtomatigo en Usono por la eduksistemo, pri la konsekvenco de la unueca lernejo por ĉiuj, de la baza eduko kaj la longtempa planado en la eduksistemo por 10 ĝis 20 jaroj (antaŭ 10 jaroj tio ankoraŭ estis rigardata malestime kiel socialismo, hodiaŭ oni nomas tion „nacia neceso"). Sed pri kio la amerikaj vizitantoj interesiĝis antaŭ ĉio, kiam ili decidiĝis viziti la GDR-on, tion profesoro Read diris dum kunveno en Baŭtzen: „Nia ĉefcelo ne povis esti konatiĝi kun via eduksistemo en detalo – por tio la tempo ĉiukaze ne sufiĉis – sed ĝi estis reciproke nin kompreni pli bone kaj serĉi interkompreniĝon."

La amerikaj ŝtatanoj, kiuj ĝuis la gastamon ĉi tie, reiru kaj raportu, kion ili vidis kaj spertis ĉi tie por diskonigi tion en sia lando. La realigo de la paca kunekzistado dependas tre multe de tio, ke ĉi tiuj ideoj de interkompreniĝo kaj paco estos konigataj al la infanoj de ĉiuj lernejoj en la tuta mondo.

*Wolfgang Reischok*

*(Trad.: A. Wilke el „Deutsche Lehrerzeitung" – Germana gazeto por instruistoj – januaro 1966 [GDR]).*

# OLIMPIA ATMOSFERO EN LA GDR



La olimpiuloj de la Germana Demokratia Respubliko – kiuj cetere partoprenos estonte per memstaraj teamoj je la olimpiaj ludoj – instigis post ilia reveno el Tokio veran olimpian atmosferon inter la gejunuloj.

Pli ol 220 000 geknaboj ekzemple, partoprenis la „Cross Country de la junularo" por posteŭli al ilia granda modelo Jürgen May. La germana ĉampiono pri 1500 m, establis novan mondrekordon pri 1000 m per 2:16,2 min. kaj triumfis en Novzelando pri la ĉampiono Kipchoge Keino (Kenia), kiun li venkis per sensacia 3:53,8 min. je angla mejlo.

Frank Wiegand, sola eŭropano kiu povis kontraŭi la favorizitajn amerikanojn, je laŭvola naĝado, li triumfis pri ili 1965 per nova mondrekordo je 220 jardoj en laŭvola naĝado dum 1:59,2 min.

Elektita kiel teamo de la jaro, estis la futbaldekunuo de la GDR, kiu entuziasmigis la junularon pro sia venko pri Urugvajo.

La grandaj modeloj de l'sporto kaŭzis, ke le mombro de la membroj en la Germana gimnastik – kaj sportligo atingis 1,84 milionojn, kaj krome sportas regule pli ol 800 000 geknaboj en sportkolektivoj. Ilia plejsupro estos la granda infan- kaj junularspartakiado dum julio 1966 en Berlin, kie okazos infan- kaj junulturniro, kun 15 000 partoprenantoj.

1

2

3



JÜRGEN MAY (GDR) venkis la duan fojon pri Kipchoge KEINO (Kenio, maldekstr), je la 15a. 12a 1965 en Auckland/Novzelando. Per lasta forto MAY sin ĵetas en la celon, antaŭ la ĉampionon pri 3000 kaj 5000 m KEINO. 100 m antaŭ la celo la GDR-sportulo estis ankaŭ 10 m malantaŭ KEINO. Foto: Zentralbild

*1 Dum la mondĉampionado la GDR ludis kontraŭ Austrio 1 : 1 en Vieno kaj 1 : 0 en Leipzig. Golejulo Fraidl nur penige savis sin de Jürgen Nöldner (GDR).*
Foto: Zentralbild

*2 Mondan sensacion en virina gimnastiko kaŭzis la 19 jara Ursula Trensinger el la GDR per sia libera turniĝo sur trabo.*
Foto: Ernst-Ludwig Bach, Berlin

*3 Ĉiujare pli ol 200 000 geknaboj partoprenas la „Cross Country de la junularo". Por ok aĝokategorioj la distancoj diferencas inter 600 kaj 1800 metroj. Amaso de junaj talentuloj.*
Foto: Manfred Dressel, Berlin

# El la bazaj taskoj de la Germana Kulturligo

La Germana Kulturligo estas la unuiĝo de la progresema intelektularo kaj de ĉiuj personoj en la Germana Demokratia Respubliko, kiuj interesiĝas pri kulturo. Ĝi estis fondita en junio 1945 en Berlin, laŭ la iniciativo de la granda germana poeto Johannes R. Becher kune kun la demokrate pensantaj scienculoj kaj artistoj. Ili kuniĝis kun la celo efektivigi la renaskiĝon de vera nacia germana kulturo kaj likvidi la faŝisman ideologion en ĉiuj sferoj de vivo kaj scienco.
En la bazaj taskoj, akceptitaj de la 6-a kongreso de la kulturligo en 1963, oni diras i. a.:
La Germana Kulturligo – firme ligata kun la laborista klaso kiel gvidanta forto de niaj ŝtato kaj nacio – laboras por la evoluigo de nia socialisma nacia kulturo, por la spirita evoluo de la homoj de nia socio kaj tiamaniere kontribuas al la disvolvita konstruo de la socialismo en la Germana Demokratia Respubliko kaj al la konservo kaj firmigo de la paco en la mondo.
La Germana Kulturligo respondecas por la spirita kaj kultura vivo de la intelektularo en la Germana Demokratia Respubliko kaj helpas klarigi la demandojn de la socialisma humanismo kaj de ĝia apliko en la praktika vivo. Kiel spirita batalanto ĝi kondukas sinceran interŝanĝon de opinioj pri ĉiuj problemoj, kiuj havas signifon por la antaŭen – kaj suprenevoluo en ĉiuj sferoj de la nacia ekonomio, scienco, nacia edukado, arto kaj literaturo.
La Germana Kuturligo evoluigas siajn klubojn kiel ejojn de multspeca spirita kaj societa vivo, speciale kiel ejojn por interŝanĝo de spertoj inter ĉiuj fakgrupoj de la intelektularo kaj la laboruloj rilate la solvon de centraj kaj lokaj politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj taskoj.
La Germana Kulturligo kontribuos evoluigi ĉiujn kreofortojn de nia popolo kaj riĉigi la kulturan vivon en nia respubliko per fondo de interesgrupoj por amikoj de la literaturo, plastika arto, muziko, teatro, fotografado, muzeoj kaj multaj aliaj sferoj de la kulturo.
La Germana Kulturligo batalos kune kun ĉiuj pacamaj civitanoj en Okcidenta Germanio kaj Okcidenta Berlino kaj kun ĉiuj homoj de la mondo kontraŭ la preparado de atommilito, por politiko de la racio kaj de la bona volo, por ĝenerala kaj plena senarmiĝo.
La Germana Kulturligo decidiĝe kontribuas per siaj aranĝoj evoluigi multspecan spiritan kaj kulturan vivon en la urboj kaj vilaĝoj de la Germana Demokratia Respubliko. En 1965 ĝi okazigis 54 615 prelegojn, disputojn, kolokviojn, konferencojn kaj aliajn diskutkunvenojn.
En januaro 1966 la Germana Kulturligo havis 185 000 membrojn. Al ĝi apartenas la Aufbau-eldonejo kaj la ĉiusemajna gazeto SONNTAG.

*Trad.: Berndt*

# Du jaroj astronomia laborsocieto »Bruno H. Bürgel« de la Germana Kulturligo Potsdam

Ekde decembro 1963 ekzistas nia laborsocieto por la amatorastronomoj kaj stelamikoj en nia urbo. Potsdam ne estas nur la urbo de la kasteloj kaj ĝardenoj, sed ankaŭ urbo de la scienco; ĝi estas centro de scienca astronomio. Tie ĉi troviĝas du grandaj mondkonataj observatorioj. En Potsdam vivis pli ol 20 jaroj la sukcesa kaj konatega astronomia publicisto Bruno H. Bürgel (1875–1948).
Bürgel skribis multajn librojn kaj artikolojn pri la astronomio kaj aliaj sciencaj fakoj. Li instruis kaj ĝojigis multajn homojn per siaj interesaj kaj tre kompreneblaj paroladoj. Laŭ lia senco ni volas flegi la popularan astronomion en nia urbo. Nia ĉefa tasko estas: per la astronomio al la homoj peri sciencan mondkoncepton.
Nia astronomia laborsocieto nun posedas astronomian kabineton en la kulturdomo Babelsberg, kie estas ĉiama ekspozicio kaj ĉambro por paroladoj. La flegado de popolara astronomio postulas, ke nia laboro estu komprenebla kaj interesa. Pro tio ni konstruis ĉirkaue 80 modelojn, lernilojn kaj instruilojn por la astronomia kabineto. 3500 diapositivoj, kiujn ni faris mem, apogas niajn paroladojn pri ĉiuj partoj de la astronomio kaj astronaŭtiko.
Proksime de la kulturdomo estas nia astronomia observatorio sur la tegmento de la lernejo „B. H. Bürgel". Sub la observatorio ni havas laborĉambron, kun 20 sidlokaj, stelkartoj kaj modeloj. En la kupolo (4 m diametro) troviĝas nia ĉefa instrumento, la reflektoro „MENISCAS" de VEB Carl Zeiss Jena 150/2250. Cetere ni havas ankorau refraktorojn 90/1500 kaj 80/1200 kaj multegajn rekvizitojn. Por la amikoj de la fotografio ni posedas du astrofotoaparatojn.
Nur pro la energia helpo per la magistrato, la kulturdomo kaj Germana Kulturligo ni provis aĉeti al ni tiujn ĉi instrumentojn, kiuj havas valoron de ĉirkaŭe 10 000 markojn.
Ekde marto 1965 ni publicas malgrandan informajon „La steloj kaj ni". En ĝi ni volas doni al niaj stelamikoj helpojn por la observadoj kaj ni raportas pri la vivo de nia laborsocieto. La intereso je la steloĉielo estas granda. Junaj kaj maljunaj venas al ni kaj volas kompletigi siajn astronomiajn sciojn. La laboro de 2 jaroj montras tiun ĉi resultaton: 44 paroladoj kun 903 partoprenantoj; 7 ekskursoj kaj vizitadoj kun 167 partoprenantoj; 32 observadoj kun 264 partoprenantoj kaj 500 amikoj de la astronomio vizitis nian kabineton; la plej prominenta gasto estis prof. Gomzalez el Kuba.
Ni ankaŭ ĝojas, ke multaj lernantoj vizitis niajn aranĝojn. Depost la jaro 1959 la fako astronomio estas instruata en la lernejoj de nia respubliko, tio estas eminenta helpo por la naturscienca edukado de junaj homoj.
Estonte ni volas kunlabori je malgrandaj sciencaj taskoj, ekzemple:
Observadado de variablaj steloj.
Kreado de rondo por ĉiela fortografio.
Registrado kaj priskribado de ĉiuj sunhorloĝoj en la distrikto Potsdam por la hejmlanda esplorado.
Plue ni finkonstruos dezertan observatorion en nia urbo. La necesajn instrumentojn por tio ni jam aĉetis.
Astronomaj laborkolektivoj de la Germana Kulturligo ekzistas en ĉiuj distriktoj de la GDR, ili nombras entute pli ol 1500 membroj. La astronomia laborsocieto „Bruno H. Bürgel" ankaŭ interesas sin pri la vivo kaj laboro de aliaj amatorastronomoj, speciale en eksterlandoj. Kie eksistas rondoj aŭ grupoj de stelamikoj kaj amatorastronomoj?
Nia adreso:

Astronomische Arbeitsgemeinschaft
„Bruno H. Bürgel",
15 POTSDAM, Seestraße 17

*Arnold Zenkert*

# EL LA GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO

## LA BALTA MARO – OCEANO DE LA PACO



*Dum la „Balta mara semajno" 1965 renkontiĝis junaj homoj el multaj landoj de Eŭropo.*
Foto: Zentralbild

Jam iĝis bela tradicio, ke okazas ĉiujare en la Germana Demokratia Respubliko, la internacia renkontiĝo de la pacamikoj el la landoj najbaraj al Balta Maro kun Islando kaj Norvegio sub la moto: „La Balta Maro estu maro de la paco". Ankaŭ en la jaro 1966 renkontiĝos la amikoj de la paco kaj internacia amikeco dum la tempo de la 10-a ĝis 17-a de Julio en la distrikto Rostock (ĉe la Balta Maro) por partopreni la varian riĉenhavan kulturan kaj sportan programojn kaj establi novajn amikecajn rilatojn.

En la kadro de ĉi tiu „Semajno de la Balta Maro" ĉijare okazos unuafoje „Internacia Renkontiĝo" de la esperantistoj. Ni invitas tutkore vin ĉiujn, karaj esperantistaj pacamikoj, por partopreni ĉi tiun renkonton.

Bonvolu informiĝi pri la vojaĝebleco kiel turistoj al la „Semajno de la Balta Maro" ĉe via landa komitato. La sovetaj kaj polaj s-anoj bonvolu turni sin al siaj vojaĝoficejoj. Vi ankaŭ havos la eblecon partopreni la internacian ekspozicion de poŝtmarkoj (temo: Historio poŝta de la baltmaraj landoj) kaj la fotan kaj numismatikan ekspoziciojn. (Temo de la lasta: „Evoluo de la moneraj aferoj").

Ni do tre petas vin, informi nin pri via partopreno kiam eble plej baldaŭ, sed plej malfrue ĝis komenco de MAJO al:

Germana Kulturligo / Distrikta Laborrondo de la Esperanto-amikoj, 25 ROSTOCK, Kröpelinerstr. 25 (Germana Demokratia Respubliko).

Por la granda esperanto-ekspozicio de ĉi tiu internacia festivalo en Julio 1966 ni elpetas ĉiajn esperantajn materialojn (ĵurnaloj, bildkartoj, fotoj, prospektoj




*La ĉiam pli kaj pli fortiĝanta protestmovado en la Germana Federacia Respubliko kontraŭ la atomarmado de la okcidentgermana militarismo kaj kontraŭ la malpura milito en Vjetnamio montras sin en ĝis nun ne konata forta partopreno dum la Pasko-marŝoj.*
*Nia bildo montras la Pasko-marŝan demonstracion en okcidentgermana urbo.*
Foto: Zentralbild

*Daŭrigo de paĝo 27*

ktp.) Laŭ deziro ili estos rekompencataj.
Bonvolu sendi la materialon kun la surskribo „Ausstellungsgut" al la supra adreso. *– d. bl. –*

Internacia renkontiĝo de la Esperantoamikoj dum la foiro en Leipzig.
Dum la aŭtuna foiro 1966 en Leipzig denove okazos la tradicia internacia foirrenkontiĝo de la Esperantoamikoj an Leipzig: sabaton, la 10-an de septembro 1966 je la 18-a horo en la Bachsalono de la Zoo-restoracio.
Ni petas la interesiĝontajn personojn anonciĝi jam nun ĉe sekva adreso:
Distrikta laborrondo de la Esperantoamikoj de la GDR en la Germana Kulturligo
701 LEIPZIG, Käthe-Kollwitz-Str. 15/ GDR.

La antaŭ nelonge kreita Esperanto Sekcio de la Germana Kulturligo aktive laboras en la pacmovado, partoprenas je helpagoj por la batalanta Vjetnamio.
Ĉie en la respubliko la Esperantoamikoj kolektis subskribojn kontraŭ la Usona agresmilito. La amikoj de Neuruppin sendis listojn de protestsubskriboj kaj lumbildprojekcilon al Hanojo jam 1965. Nun ili povis sendi pluajn subskribojn kaj pluan projekcilon. En la letero de la Centra Laborrondo Esperanto tekstas: „Ni pacbatalantoj de la GDR konsideras kiel nian internacian devon, fortigi la solidarecon por la heroe kontraŭ la usonaj agresuloj batalanta vjetnamia popolo."
En Berlin okazis aranĝo pri Vjetnamio, aranĝita komune kun la Vjetnamia ambasadoro.
Miloj da pacamikoj protestis sur la de MEM preparitaj protestlistoj kontraŭ la USA-agreso en Vjetnamio per sia subskribo. Sole en la malgranda urbo Werdaŭ la Esperantoamikoj kolektis 1004 protestsubskribojn.
Tiamaniere ĉie daŭras la agado helpante al la vjetnamia popolo kaj protestante kontraŭ la agresuloj.

*Rudolf Hahlbohm*

# NI DEBATAS:

## *Se en mallum' io sidas, okulo perfidas*

Laŭ la regularo de PACO, ĉiu artikolverkinto mem respondecas pri sia verkaĵo. Tio siavice signifas, ke li ne timu kritikon okaze de debato. Tian nome povas veki la artikolo de Nukina Yositaka en la japana eldono de PACO n-ro 144. Estas vere, ke ankaŭ en porpacaj organizoj troviĝas reakciaj fortoj, kiuj sub certaj cirkonstancoj povas ŝanĝi la pacstrebojn en malfavoran direkton. La politiko de la paca kunvivado inkluzivigas decideman kaj ĝustatempe starigitan reziston kontraŭ la agresivaj fortoj de la imperiismo kun la usona imperiismo ĉe la kapo. La perspektivoj de la paca kunvivado ofte ŝajnis al ni pacdefendantoj esti pli favoraj en la pensmaniero ol en la realeco. La plej grava problemo estas defendi la pacon kaj savi la homaron el sub atomneniigo. Sed la artikolo de Y. tro sennuance rigardas certajn mondorganizojn kiel kamuflutajn imperiistajn organojn. Tial oni starigas al si la demandon: „Kiu gajnus pleje, se ideologiaj kaj politikaj diferencoj plene eksigus internacion kunlaboron kaj proklamus batalon kaj dissplitigon kiel ĉeftaskojn."

■

Y. sciu, ke la malgrandaj nacioj kune kun la grandpotencoj havas responson pri la sorto de la mondo. Kaj ilia rolo en la batalo kontraŭ la milito – kiel nun en Vjetnamio – kaj la militdanĝero estas en la hodiaŭo pli granda ol iam antaŭe. Granda parto da senaliancaj ŝtatoj ludas konstrukcian rolon en la Unuiĝintaj Nacioj por la paco kaj por la principoj de la paca kunvivado. Kiam la usona imperiismo provis ataki la heroan Kubon per la potenco de la armiloj, tiam 45 senaliancaj landoj iniciatis solvon de la kuba konflikto pace per intertraktoj, pere de la ĝeneralsekretario U Thant. Ankaŭ tiaj kapitalistaj landoj kiel Aŭstrio kaj Svedio ludas pacakcelan rolon en UN, kie ili konfirmas la pacan kunvivadon kaj nealiĝon al agresivaj militistaj blokoj. Tiu pozitiva rolo, kiun la neŭtralistaj ŝtatoj ofte ludas en UN estas alte aprezitaj de ĉiulandaj pacdefendantoj. Estas notinde, ke la senalianca politiko havas antiimperiisman karakteron kaj ke ĝi direktas sin ankaŭ kontraŭ kolonia subpremado.

La ŝanĝiĝoj en la internacia vivo, kiu okazis lige kun la estiĝo de grupo da neŭtralismaj ŝtatoj, estas eksplicite vidita en la Unuiĝintaj Nacioj.
La nombro de neŭtralismaj kaj socialismaj ŝtatoj kreskas tie kaj per tio estas kreata nova fortorilato en UN por atingi unuecon kune kun la cetera pactendaro en la batalo kontraŭ nova mondmilito kaj kontraŭ koloniismo, por senarmiĝo kaj ekonomia kunlaboro. Verŝajne ne daŭros longe ĝis ankaŭ la Ĉina Popola Respubliko ricevos sian previgitan lokon en la mondorganizo.

■

Verdire, ne malofte unuopaj landoj en Afriko kaj Azio faris la laborojn de la ĝeneralaj sesioj de UN malpli efektivaj kaj eĉ kelkfoje ebligis al la imperiistoj utiligi UN por siaj propraj celoj. Sed la nura fakto, ke tiuj landoj formale ricevis politikan sendependecon, reviglígis potencajn liberigajn fortojn, kiuj pli-malpli frue realigos la postulon pri efektive sendependa ekstera politiko.

■

Ŝajnas al mi, ke Y. pro multo da arboj arbaron ne vidas. La okazaĵoj blindigas lin. Tial estas laŭ lia opinio ankaŭ UNESKO tute porusona. Sed, kial reprezentantoj de landoj, kie UNESKO laboras i. a. por elsarki la analfabetismon neniam protestas kontraŭ tia enmiksiĝo? Ili eble opinias, ke klerigo ne estas io, kio haltigas la evoluon al pli alta sociformo. Cetere, ĉu UNESKO konstante rompas la paragrafon, kiu tekstas: „UNESKO celas kontribui al firmigo de paco kaj sekureco, subteni la kunlaboron inter la nacioj per klerigado, scienco kaj kulturo, estimon por justeco, leĝeco, homrajtoj kaj bazaj liberoj, kiujn rekonas la ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj por *ĉiuj* popoloj de l' mondo – sendistinge de raso, lingvo kaj religio?"

■

Sed mi estas en interkonsento kun Y. kiam li konkludas, ke la neŭtraleco de UEA estas demokrata fundamento-principo por sekurigi ĝian liberan evoluon. Tio do signifas, ke ni ne trogravigu la incidenton ĉe UK en Tokio, kie unuopaj UEA-Funkciuloj transpaŝis al la neneŭtrala pozicio de la usona ambasado. Sed ni tiru el ĝi la instruon, ke la Mondpaca Esperantista Movado (MEM) estas bezonata i. a. tial, ke ĝi ne akceptas neŭtralecon en demandoj koncerne al paco kaj milito. Niaj bravaj MEM-anoj en Tokio donis praktikan kaj imitindan ekzemplon pri tio.

*G. Holmkvist, Svedio (C R)*

# Dediĉate al ĉiuj esperantistoj, luktantaj por la paco

## V. Veselov

Tra la mondo iras Esperanto,
Nia ĝojo sonas en la kanto,
Ĝin ekportu al amikoj vento
For de ni ĉiu kontinento.

Ja ni sentas varmon de la manoj
Trans la montoj kaj la oceanoj.
Malavaraj koroj sin malfermas
Al la forta voko kiu venas.

Multenombraj iĝis esperantoj,
Nevenkeblaj pacaj batalantoj,
Per la kuna streĉo la milito
El la mondo estos forpelita.

En dezertoj verdos foliaro,
Unuiĝos iam la homaro,
Kaj leviĝos super tuta tero
La belega stelo de espero!

## ENHAVO


1 La aspekto de Dresdeno denove ridetas
3 La taskoj de la esperantistaro en la pacbatalo
5 La kanto de la paco
8 Arkitekturo de preĝejoj – denove estiĝintaj
10 Super la fotoj
11 Gloron al Norman R. Morrison kaj Alice Herz
11 Donu viajn manojn al la popoloj
12 Tiam ĝi estos ebena lando
12 Tra la esperantista gazetaro
13 Kristanoj postulas en Eŭropo sekurecon
13 Ĉu mi daŭre silentu?
14 La Brunlibro skue vekas la konsciencon de la homaro
16 Dokumentoj el la horo nulo
19 Hejme en Berlin
21 La potenco de la faktoj
22 Medicino kaj socio
24 Olimpia atmosfero en la GDR
26 El la bazaj taskoj de la Germana Kulturligo
26 Du jaroj astronomia laborsocieto „Bruno H. Bürgel"
27 El la Germana Demokratia Respubliko
28 Ni debatas
29 Dediĉate al ĉiuj esperantistoj, luktantaj por la paco
30 Deziras korespondi
31 Vi povas aboni „Paco-n"
32 „Dang Hoi", lignogravuraĵo Gerhard Bondzin



Herausgeber für dieses Heft: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis der Esperantofreunde der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91. Verantwortlicher Redakteur: Eugen Menger. Redaktionskommission: Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Dr. Emil Rechtziegler, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 1528 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 12mal im Jahr (wird jeweils monatlich von einer anderen Esperanto-Landesorganisation herausgegeben). Preis dieses Heftes: MDN 1,–. Jahresabonnement: MDN 4,– zuzüglich MDN 1,– Versandspesen. Druck: III/9/1 Grafischer Großbetrieb Völkerfreundschaft, Dresden.
847/66 (36)


# DEZIRAS KORESPONDI:

S-ro P. M. KIRJUŜIN, MINSK S, Sovetio, Krasnaja 16, Kv. 20, malnova esperantisto, interŝanĝas librojn kun kamaradoj el ĉiuj landoj. – Esperanto – rusa, germana, angla, franca kaj hispana lingvo.

S-ino Lili NÁDAI, BUDAPEST VII, Hungario, Kazinczy – utca 10 II 1, 59 jaro, oficistino, kun Esperantoamikoj el la GDR.

F-ino Dimitrina ARSOVA, SOFIO – 70, bl. 9 vh. B, ap. 2, Bulgario.

La geesperantistoj de la Esperanto-Klubo „Verda Kolombo" en Zabrze (Supra Silezio), kun gesamideanoj el la Germana Demokratia Respubliko. Skribu al s-ro Johano MOSER, ZABRZE, ul. J. Ciupki 21, Pollando.

Marta NADASDI, BUDAPEST, Lenin-Bulvardo 27. IV. 8 / Hungario.

*El la Germana Demokratia Respubliko:*

S-ro G. HOFMANN, 909 KARL-MARX-STADT, Flemmingstr. 42, pri ĉiuj temoj, precipe Esperanto-movado kaj historio de la planlingvoj internaciaj.

S-ro Bodo SPUDE, 1831 SPAATZ, Kreis Rathenow, GDR, Schule, pri lerneja politiko kaj vojaĝoj (historio, naturo, kulturo).

S-ro Karl ZIESING, 901 KARL-MARX-STADT, GDR, Poŝtfako 289, kolektas: bildkartojn, alumeto-etiketojn.

S-ino KRISTINO ZIESING, 901 KARL-MARX-STADT, GDR, poŝtfako 289, (25 jaro).

S-ino Edith NEUHAUS, 90 KARL-MARX-STADT, GDR, Georgenkirchweg, dommastrino (40 jara).

S-ro Georg NITZSCHE, 9038 KARL-MARX-STADT, Heimgarten 67, GDR, pri temoj ekonomiaj, politikaj kaj kulturaj.

S-ro Gerhard MITTAG, arkitekto, 809 DRESDEN, Auf dem Sand 22, GDR.

S-ro G. HOLZENDORF, 1831 GROSS-WUDICKE, Kreis Rathenow, GDR, kun biologio-instruistoj.

F-ino Ilse HOFMANN (71 jara), 301 MAGDEBURG, Tismarstr. 23, GDR.

Junaj geedzoj Regine kaj Gerhard BEESE, 30 MAGDEBURG, Johannes-Kirsch-Str. 22, GDR.

S-ro Klaus-Dieter DUNGERT, (22 jara), 301 MAGDEBURG, Albin-Brandis-Str. 3, GDR.

S-ro Hans SCHMIDT (16 jara), 301 MAGDEBURG, Hasselbachplatz 2, GDR, pri elektrotekniko.

S-ro Heinz KELLER (16 jara), 301 MAGDEBURG, Mehringstr. 15, GDR, pri poŝtmarkoj.

S-ro Lothar SCHULZE (16 jara), 301 MAGDEBURG, Steinbergstr. 15, GDR.

S-ro Horst ANDRÄ (52 jara), 301 MAGDEBURG, Koburger Str. 17, GDR, Novfondita laborgrupo de la Esperanto-amikoj en Hildburghausen,
pri la lukto per Esperanto por la paco kaj interŝanĝe ilustritajn poŝtkartojn, esperantaĵojn, fotografaĵojn, poŝtmarkojn ktp. Laborgrupo de la Esperanto-amikoj 611 HILDBURGHAUSEN, GDR, Deutscher Kulturbund, Geschwister-Scholl-Str. 19.

Esperantorondo de la Germana Kulturligo Rathenow, GDR, kun pacamikoj, prefere pri politiko, kulturo, edukado, arto. Skribu al: S-ro Richard RABENALT, 183 RATHENOW, Berliner Str. 4, GDR.

La amikoj de la astronomio en Potsdam/GDR. Astronomische Arbeitsgemeinschaft „Bruno H. Bürgel", s-ro Arnold ZENKERT, 15 POTSDAM, GDR, Seestrasse 17.

Ok gelernintoj de elementa kurso de Esperanto en aĝo inter 25–51 jaroj, d-ro E. KALBE, instruisto en fabrikmetia lernejo (instruanto de Esperanto, aĝo 74 j.), pri pedagogio kaj elektromeĥaniko. Direktu viajn respondojn al Deutscher Kulturbund, Kreissekretariat, 44 BITTERFELD, Altschlossstrasse 16, GDR.

Walter RAEDLER (aĝo 55 j.), 8922 HORKA, GDR, kun seriozaj samaĝuloj.

## El la laboro de la pacamikoj

**Suomio**

S-ro N. KAVENIUS, membro de la eldonkomisiono de MEM kaj prezidanto de Sudokcidenta Suomia paclabora centro, helpas al ĉiuj eksterlandaj korespondadoj pere de Esperanto.
Li publikigis multajn bildojn el la esperantlingva albumo „CERTE TRIUMFOS LA POPOLO DE VJETNAMIO" en la loka gazeto „UUSI PAIVA" (Nova Tago) kaj tradukon de la artikolo pri japanaj patrinoj, aperinte en la japana eldono de PACO (N-o de Nov.).

**Ĉeĥoslovakio**

S-ro Tomàŝ BALDA, gvidanto de MEM-sekcio en Ĉeĥoslovakio, dissendis cirkuleron al 46 perantoj kaj sekcioj de MEM, proponante pli intiman konkretan kunlaboron inter la MEM-sekcioj kaj kun la estraro de MEM.

**Vjetnamio**

Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio daŭre eldonas sian instruplenan bultenon „INFORMADO". Oni nepre traduku la plej gravajn kaj interesajn artikolojn kaj diskonigu ilin ĉe la nacilingvaj gazetoj.

**Italio kaj Francio**

Ambaŭ MEM-sekcioj eldonis cirkuleron por la reabonoj al PACO, kaj konstatas ke nun PACO aperas pli regule kaj nia movado progresas en la mondo.

**Al ĉiuj landaj perantoj**

Tiuj informoj estas tre malkompletaj. Por ke ĉiu valora aktiveco estu estonte menciata, bonvolu nepre informi rekte la centran redaktoron per koncizaj artikoletoj.

# VI POVAS ABONI „PACO-n"

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | Jim DAVIDSON, P.O. Box 139, PENRITH, N.S.W. . $ 6 |
| Aŭstrio: | Franz WAGNER, LINZ, Raimundstr. 37, Post 10 .... $ 30 |
| Belgio: | Jean COEN, 9, rue Arthur Roland, BRUXELLES 3 .... b.fr. 70 |
| Brazilio: | Valter Domingues COSTA, Av. Ruy Barbosa 267, MACAE-Est, RIO DE JANEIRO .... crz 140 |
| Britio: | C. FIELDING, 61 Springfield Road, BRISTOL 6 .... $ 6 |
| Bulgario: | Bulgara MEM-komitato, bulv. „Ĥr. Botev" n-ro 97, Sofio .... lv. 2 |
| Ĉeĥoslovakio: | Tomaš BALDA, Revnice 416/23, PRAHA-ZAPAD .. kr. 20 |
| Danio: | Egon STARUP, Engbovej 90, KOPENHAG-VANLÖSE — |
| Francio: | Claude BLANC, 45 bis rue Jeanne d'Arc, 69-LYON (3e) C.C.P. Lyon 2044-67 .... f. 8 |
| Germanio: | Germana Demokratia Respubliko: Centra Laborrondo de la Esperanto-amikoj de la GDR en la Germana Kulturligo, 108 BERLIN, Charlottenstr. 60 (GDR) .... MDN 4 Germana Federacia Respubliko: Johannes THOMÄ, FLONHEIM/Rhh. (GFR) .... WM 4 |
| Hungario: | Hungara Esperanto-Asocio, (D-ro Istvan TURAY) por la Packom. MEM-sekcio, BUDAPEST VIII, Kenyermezö utca 6 .... ft. 26 |
| Indonezio: | Khwaliat Kho, Gang Mandor VII/7, DJAKARTA .... — |
| Islando: | Oskar INGIMARSSON, Langholtsveg 3, REYKJAVIK .... kr. 50 |
| Israelio: | Ben-Alter Jehiel, Meonot Ovdim 31, PETAH-TIKVA — |
| Italio: | Dante CATTANEO, Via Val di Pedro 23 MILANO . 1. 850 |
| Japanio: | Namba Syozi, Kodan 21-201, Huruiti-Kita 3 OSAKA-zyoto .... 1. 300 |
| Kamboĝo: | Dinh-Thuan-My, B.P. 406, PNOM-PENH .... r. 30 |
| Koreio: | Korea Esperanto Asocio, S-ano Ri-Giin, Poŝtkesto 16, PJENGJAN .... — |
| Kubo: | Raul Juàrez SEDENO, Apartado 570, CAMAGÜEY .. — |
| Nederlando: | COR DE WAART, Plancinsstraat 71, AMSTERDAM-C .... g. 4,5 |
| Nepalo: | KESHAB RAN JOSHI, Esperanto Societo 10/319, Bhosiko Tole, KATHMANDU .... — |
| Norvegio: | Henning NIELSEN, TÖRKVIKBYGD .... kr. 6 |
| Nov-Zelando: | la peranto de Aŭstralio. |
| Pollando: | Pola Esperanto-Asocio, ul Nowy Swiat 27 WARSZAWA .... zl. 36 |
| Rumanio: | Simon ARPAD, str. Matei Voayo D. 12 BUCURESTI-31 .... — |
| Sovetunio: | Unuiĝo de Societoj sovetiaj de Amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj, (S-ro A. MAKOVSKIJ) Kalinin 14, MOSKVO .... rub. 2 |
| Suomio: | Paavo HEIKKINEN, Punahilkantie 14 E, 37, HELSINKI-82 .... mk 5 |
| Svedio: | K. KVIST, Rinmansgatan 13, DEJE .... kr. 6 |
| Usono: | Jim DEER, 12946, NE HANCOCK, Portland, Oregon, 97230 .... dol. 1 |
| Venezuela: | Ildefonso NUNEZ, Apartado de Correos 250, BARQUISIMOTO .... — |
| Vjetnamio: | Vjetnama pacdefenda esperantista Asocio, 68 Ly thuong kiêt, HANOJO .... — |
| Aliaj landoj: | A. BALAGUE, Traiseng 26, St PÖLTEN (Aŭstrio) .... — |

# AL ĈIUJ KUNLABORANTOJ DE „PACO"

## Bonvolu noti ke:

– ĉiuj artikoloj devas esti tajpitaj aŭ skribitaj per bone desegnitaj literoj, nigrakolore, kun interlinia spaco (30 linioj sur unu folio A. 4) kaj larĝa marĝeno.
– koloraj kaj kopiaj paperoj estas absolute evitendaj,
– tro longaj artikoloj estas malfacile akcepteblaj en nia gazeto,
– preferinde sendu 2 ekzemplerojn de viaj artikoloj,
– ni ne povas resendi neuzitajn artikolojn,
– iuj kunlaborantoj petas ekzempleron de la n-ro, en kiu aperas iliaj artikoloj, aŭ deziras scii kiam ili aperos. Principe la centra redaktoro ne povas respondi al tiuj demandoj, nek garantii ke ĉiuj ricevitaj dokumentoj aperos,
– por ĉio, kio koncernas la administradon de PACO oni turnu sin al la landaj perantoj aŭ al la centra administracio. Ne miksu administrajn kaj redaktajn problemojn en via korespondaĵo.



*Nikola Aleksiev,*
*prezidanto de MEM*

*Anton Balague,*
*ĝenerala sekretario de MEM*



# MEM-SEKRETARIO

*Prez.:* Nikola ALEKSIEV, Bulgara MEM-sekcio, Bulv. Ĥr, Botev, 97, SOFIO, Bulgario.
*Ĝen. sekretario:* Anton BALAGUE, Traiseng. 26, St. Pölten, Aŭstrio.
*Kunsekretario:* G. HOLMKVIST, Rönneholmsvägen 55, tr. 2, MALMÖ V, Svedio.
*Centra red.* kaj Eldona Komitato de MEM: W. GILBERT, 30, Rue Croix-Montoire, 37-Tours-St. SYMPHORIEN, Francio.



„DANG HOI" (Vjetnamio), lignogravuraĵo. Gerhard Bondzin (naskiĝo 1930), Dresdeno